# REGo

## ☆ RUSIA ESPERANTO-GAZETO ☆

*komuna eldono de REU kaj REJM* *№ 6 (25) decembro 2004*






***Moskvo, 2004***

# StRIGo-10: kiel oni fotis



*Deflanke.*



*Desupre.*



*Desube.*



*Do, ne eblis kaŝi sin de tiuj fotistoj!*

# *50-A DATREVENO DE MONTEVIDEO*

*La Esperanto-movado festas la 50-an datrevenon de la historia rezolucio pri Esperanto, kiun Unesko akceptis en sia Ĝenerala Konferenco en Montevideo la 10-an de decembro 1954. Du tagojn pli frue Unesko asignis al Universala Esperanto-Asocio la statuson de konsultaj rilatoj. La akcepto de la rezolucio de 1954, rekonfirmita per nova rezolucio de la Ĝenerala Konferenco en 1985 en Sofio, signifas la plej gravan oficialan rekonon de Esperanto fare de la monda komunumo ĝis nun. Ambaŭ rezolucioj de Unesko signifis ankaŭ agnoskon de UEA kiel la unuavica reprezentanto de la Esperanto-movado.*

*Koincide, kaj tre simbole, la 10-a de decembro estas ankaŭ la Internacia Tago de Homaj Rajtoj, kiu memorigas pri la adopto de la Universala Deklaracio de Homaj Rajtoj fare de la Ĝenerala Asembleo de Unuiĝintaj Nacioj la 10-an de decembro 1948. Okaze de la duobla datreveno Renato Corsetti, Prezidanto de UEA, lanĉis deklaron, en kiu li memorigas pri la multflanka kontribuo de esperantistoj al la celoj de Unesko kaj pri la interligiteco de la agadoj por Esperanto kaj homaj rajtoj. Corsetti aparte emfazas la gravecon de lingva diverseco kaj de lingvaj homaj rajtoj, kaj esprimas sian kontenton pri tio, ke lastatempe ili komencis ricevi pli da atento ĉe UN kaj Unesko.*



*la ekspozicio en Montevideo (foto el "Esperanto")*

*Dum la jaro 2004 okazis pluraj aranĝoj por festi la 50-an datrevenon de la atingo en Montevideo. En Montevideo mem Urugvaja Esperanto-Societo organizis kun helpo de UEA grandan ekspozicion pri Esperanto kadre de la Internacia Librofoiro de Montevideo en aŭgusto-septembro. La decembra numero de "Esperanto" donas atenton al la jubileo kaj al la protagonisto ĉe la ekesto de la rezolucio de 1954, prof. d-ro Ivo Lapenna. En ĝi aperas ankaŭ la tekstoj de la rezolucioj de Montevideo kaj Sofio, kiuj tradicie aperas ankaŭ komence de la Jarlibro de UEA.*

***(Gazetaraj komunikoj de UEA, № 190)***

---

***VIKTOR AROLOVIĈ***

## JUBILEO DE MONTEVIDEA REZOLUCIO

Antaŭ 50 jaroj, la 10-an de decembro 1954, okazis mejloŝtona evento en la historio de Esperanto: en Montevideo la 8-a Ĝenerala Konferenco de Unesko akceptis la unuan rezolucion pri Esperanto, rekonante ties valorojn kaj kongruon kun la celoj de Unesko. La grava venko estis atingita post iom longa kaj drameca antaŭhis-

torio.

Esperantistoj ekkontaktis kun Unesko jam baldaŭ post ties fondo. Pri tio pleje aktivis britoj, ĉar la tiama sidejo de Unesko estis en Londono. Kiel konkreta traktad-temo estis i.a. la peticio favore al Esperanto, destinita por Unuiĝintaj Nacioj. La peticio celis atingi ke UN agnosku la valoron de Esperanto kaj stimulu ĝian disvastigon. La subskrib-kampanjo donis imponajn rezultojn: estis kolektitaj ĉ. 900 miloj da individuaj subskriboj, krome subskribis ĉ. 500 organizaĵoj kun suma nombro ĉ. 15 milionoj da membroj, entute la subskribintoj reprezentis 76 landojn. Kiam en 1950 la peticio estis transdonita al UN, tiu pludonis ĝin por pritrakto al Unesko. Certe Unesko, kiu mem havis tiam nur 72 ŝtatojn-membrojn, ne povis neglekti tiel vaste apogitan dokumenton.

Tamen UEA maltrankviliĝis, ke la peticio simple trafos arkivon sen sekvigi iujn konkretajn decidojn, kaj la komisiito de UEA pri rilatoj kun Unesko Ed Durrant memorigadis al Unesko-funkciuloj pri la demando. Fine la Plenuma Komitato de Unesko preparis dokumenton, kiu estis formulita kiel demando: ĉu Unesko ĝenerale okupiĝu pri la problemoj de diverslingveco aŭ ne? En 1952 al la 7-a Ĝenerala Konferenco de Unesko en Parizo estis allasitaj du reprezentantoj de UEA: Durrant kaj estrarano de UEA Ivo Lapenna, kiuj do povis rekte prezenti la vidpunkton de E-movado. Ili sukcesis atingi anticipan teknikan rezolucion, kiu rajtigis la Ĝeneralan Direktoron de Unesko entrepreni necesan preparlaboron, por ke la 8-a Ĝenerala Konferenco jam esprimu pli konkrete la starpunkton de Unesko.


***Ivo Lapenna***

Do la peza burokratia maŝino de Unesko ekfunkciis. La Ĝenerala Direktoro dissendis demandaron al la ŝtatoj-membroj. El plimulto da ŝtatoj venis respondoj rekte negativaj aŭ indiferentaj, sed almenaŭ el 9 landoj la respondoj estis kuraĝigaj. Samtempe UEA intense prepariĝis al la 8-a Ĝenerala Konferenco en Montevideo, kien ĝi kompreneble denove estis invitita sendi observanton. CED (Centro de Esploro kaj Dokumentado pri la Monda Lingvo-Problemo) kompilis por Unesko detalan raporton pri la aktuala stato de Esperanto. Ankaŭ la Landaj Asocioj estis konvene instrukciitaj por trakti surloke kun sialandaj Unesko-funkciuloj. Estis preparita granda ekspozicio por demonstri en Montevideo.

La oficiala reprezentanto de UEA Ivo Lapenna venis al Montevideo jam la 1-an

de novembro, kvankam la Konferenco estis malfermiĝonta la 13-an. Li tuj komencis sondi la grundon kaj paroli kun alvenantaj reprezentantoj de multnombraj landaj delegitaroj, por trovi inter ili eventualajn apogantojn de rezolucio favora al Esperanto. Laŭ tiuj kontaktoj evidentiĝis, ke voĉdoni por tia rezolucio pretas tiuj landoj, kiuj estis respondintaj favore la demandaron, plus ankoraŭ kelkaj ŝtatoj. Tamen tiu preteco estis pasiva: la delegitaroj ja pretis voĉdoni "por", kondiĉe ke iu alia proponos rezoluci-projekton. Sed trovi tian proponanton estis grava obstaklo. Laŭstatute, fari proponon rajtis nur la Ĝenerala Direktoro aŭ delegitaro de iu ŝtato. Kvankam ĉiuj landaj delegitaroj estis provizitaj per la dokumentoj de CED (en la angla, franca kaj hispana lingvoj), kvankam la impona ekspozicio elokvente demonstris la atingojn de Esperanto, kvankam en urugvajaj amasinformiloj aperis favoraj artikoloj, ne troviĝis delegitaro, kiu povus iniciati la rezolucion.

Parolinte kun trideko da delegitaroj, Lapenna de neniu el ili sukcesis ricevi firman promeson. Ekz., ioman esperon li havis pri Norvegio, ĉar ĝi sendis tre favoran respondon al la demandaro. Sed en interparolo kun la norvegia delegitestro evidentiĝis, ke la favoran respondon preparis Ministerio pri edukado, sed la delegitaro ricevis de Ministerio pri Eksterlandaj Aferoj tute aliajn instrukciojn...

Do, malgraŭ la klopodoj de Lapenna, la stato de la afero ne estis optimismiga. La Konferenco malfermiĝis, la disponebla tempo komencis degeli. Lapenna tiel komentis pri la situacio en letero de 23.11.: "La aziaj ŝtatoj ĝenerale malfavoras nin, ĉar "ili devas lerni la anglan". Same la afrikaj. La grandaj potencoj estas kontraŭ pro la situacio de iliaj respektivaj lingvoj. La solaj ŝtatoj, kiuj povus nin helpi, estas la nordaj. Sed ili tute simple ne volas." Kaj jen fragmento el alia letero, de 05.12.: "Trista kaj naŭza fariĝas la historio. Pri miaj interparoloj kun la plej diversaj delegacioj oni devus skribi libron, grandan libron kiel dokumenton pri la stulteco de la homoj, pri iliaj antaŭjuĝoj, impertinentecoj, intrigoj, malĝentilecoj ktp... En tiaj kondiĉoj mi sukcesis paroli kun eble 300 delegitoj de kvindeko da delegacioj. ... Pri propono de rezolucio neniu volis eĉ aŭdi."

En tiaj kondiĉoj Lapenna decidis eluzi la specialan E-ekspozicion, funkciigitan en Montevideo. Ĝi estis publika, tial oni emisiis belan hispanlingvan prospekton pri la ekspozicio kaj sendis ĝin al delegitaroj de hispanlingvaj landoj. Krome, ĉiuj delegitoj ricevis inviton al la ekspozicia inaŭguro, sed venis tre malmultaj; ankaŭ poste tie aperis nur ĉ. 15 delegitoj – diference de la publiko, kiu vizitadis amase: po 400-500 pers. ĉiutage. Tamen la 2-an de decembro Lapenna parolis kun s-ino Vallarta el Meksikio kaj persvadis ŝin iri kun li al la ekspozicio. La sinjorino estis tre entuziasmigita kaj konatigis Lapenna kun sia edzo – la estro de la meksikia delegitaro. Kaj Lapenna sukcesis konvinki lin, ke Meksikio faru la rezoluci-proponon. La estro kunvenigis la delegitaron, kaj ĝi decidis proponi projekton de Rezolucio.

Intertempe jam proksimiĝis al la fino kunsido de la Programkomisiono, por kies traktado estis transdonita la demando pri Esperanto – la lasta punkto de la tagordo. La sinsekvo de tiutagaj eventoj kronikiĝas laŭhore: je la 14-a horo estis preta la meksikia rezoluci-projekto; je la 15-a Lapenna interkonsentis en la Sekretariato pri ties multobligo; je la 17-a ĝi estis jam multobligita; je la 18.30 Lapenna sukcesis paroli kun la urugvaja delegitestro kaj ricevi ties promeson pri subteno de

la meksikia propono. Rekurinte en la konferencejon, Lapenna konstatis, ke la vico de E-demando ankoraŭ ne venis kaj ke oni anoncis paŭzon ĝis 21.30. Dum tiuj kelkaj paŭzohoroj Lapenna sukcesis paroli kun deko da delegitaroj, kiuj promesis subtenon.

Post la paŭzo la kunsido rekomenciĝis. (Oni ekdiskutis demandon pri eldono de verkaro de Adam Mickiewicz. La diskuto iĝis longa kaj teda: pollanda delegitaro proponis eldoni, sed la sekretariato rezistis pro manko de rimedoj. Kaj Lapenna pretere rimarkis sarkasme, ke tiu diskutado mem kostis al Unesko duoble pli da mono ol la sumo, petita por la eldono.) Estis jam malfrue, kaj la delegitoj komencis lasi la salonon. Lapenna rimarkis tion kun kontento, ĉar foriris ĝuste la malamikoj, sed tiuj, kiuj promesis subtenon, plejparte restis en la salono. Li estis certa, ke se la meksikia propono estus voĉdonigita tiumomente, ĝi sendube estus akceptita. Sed… estis jam la 1-a horo nokte, kaj oni prokrastis la kunsidon ĝis la sekva tago.

La tutan sekvan tagon – la 3-an de decembro, kaj matene la 4-an la Programkomisiono diskutis aliajn demandojn. Denove Lapenna utiligis la tempon por paroli kun pluraj delegitaroj. Rezulte li ricevis pozitivajn promesojn de ĉ. 25 delegitaroj. Aperis espero, ke la miraklo tamen okazos.

Fine, vespere la 4-an de decembro oni anoncis la demandon pri Esperanto. Lapenna esperis ricevi la parolon kiel oficiala reprezentanto de la esperantista organizaĵo, des pli ke li anticipe informis pri tio la kunsid-prezidanton. Tamen oni donis la unuan parolrajton ne al li, nek al delegito el Meksikio, kiu proponis la rezolucion, sed ial al dana delegito, prof. Andreas Blinkenberg. Evidente tio estis rezulto de postkulisaj manovroj, ĉar dum Lapenna varbis subtenontojn, la malamikoj de Esperanto ankaŭ ne dormis. Blinkenberg diris, ke li parolas kiel lingvisto; en tiu kvalito li asertis: ke Esperanto tute ne estas internacia, ĉar ĝi konsistas el eŭropaj elementoj; ke ekzistas pli bonaj lingvoj internaciaj, ekz. Basic English, Interlingua; ke en artefarita lingvo oni eble povas esprimi urugvajan menuon (ĉe tiuj vortoj estis rido en la halo), sed ne literaturajn valorojn; ke Esperanton kreis amatoro, kiu nenian ideon havis pri lingvoj kaj tial Esperanto havas mizeran aspekton, povran vortaron kaj primitivan sintakson; ke en Esperanto oni nenion povas diri, des malpli esprimi grandajn sentojn de amo; ke Esperanto estas la neo mem de kulturo kaj tute ne povas servi al kulturaj celoj. Li finis en neserioza atmosfero, dirante ke estus ofendo por Unesko doni ian ajn apogon por Esperanto. Li sukcesis ridindigi la tutan aferon, kaj neniu el la ĉeestantoj – krom la esperantistoj – povis konstati la neobjektivecon kaj stultecon de liaj diroj.

(Poste, kiam la tuta historio estis konigita en E-gazetaro, la nomo Blinkenberg iĝis misfama en Esperantujo kaj eĉ estis uzata kiel komuna nomo, oni povis renkonti frazojn kiel ekz.: "Estas malfacile labori por Esperanto en blinkenbergaj medioj".)

Nur post tio la parolon ricevis Lapenna. La reglamenta daŭro estis tri minutoj. Li ja estis preparinta precize 3-minutan parolon, en kiu li volis akcenti gravecon de la peticio, kontribuon de esperantistoj al interkompreniĝo de la popoloj, kulturajn valorojn de Esperanto. Sed nun li devis rapide reorientiĝi por rebati la kalumniajn insultaĵojn de Blinkenberg. Li faris la paroladon kun glacie malvarma vizaĝo kaj

sukcesis almenaŭ restarigi la atmosferon de kulturo kaj digno. Post li parolis la urugvaja delegito, kiu ankaŭ protestis kontraŭ la neseriozeco de Blinkenberg. Sed ĉio ĉi estis jam nesufiĉa por influi la voĉdonon: por la meksikia rezolucio estis 3 voĉoj, kontraŭ – 23, sin detenis – 19.

Tiel la multjaraj klopodoj de UEA dronis en marĉo de intelekta mizereco kaj malkuraĝo. Kion do fari? Homo malpli eltenema jam ekpakus la valizojn por forveturi, sed Lapenna ne mallevis la manojn. Li lerte utiligis tion, ke Blinkenberg en sia fiparolado rikanis pri urugvajaj menuoj kaj per tio ofendis la gastigantan landon; do estis bona preteksto por mobilizi la lokan publikan opinion. Kaj Lapenna entreprenis kontraŭofensivon.

Unuavice li tuj kontaktis gvidantojn de Urugvaja E-Societo (UES) kaj ellaboris tekston de protesta letero al urugvajaj gazetoj. En tiu letero UES kondamnis la nekulturan sintenon de Blinkenberg kaj aludis pri la kostoj, kiujn devas pagi la urugvajaj impostpagantoj por konferenco, kiu tiel neserioze traktas la dezirojn de 16 milionoj da petici-subskribintoj. La gazetoj unu post alia publikigis la leteron kaj aldonis proprajn komentojn. Ili ĉiuj unuanime subtenis la pozicion de Esperanto, sed ne tiun de Blinkenberg. La incidento estis transformiĝanta al granda publika skandalo. Intertempe Lapenna estis invitita al urugvaja radio. Tie li faris prelegon en Esperanto kun hispanlingva traduko kaj certe akre kritikis la kunsidon de la Programkomisiono.

Poste li koncentris la fortostreĉojn en la Konferenco mem. Ja la voĉdona malgajno ne estis definitiva, ĉar la komisionajn kunsidojn sekvis la plena sesio de la Konferenco. Lapenna esperis ricevi tie la parolon kaj provi la lastan ŝancon. Do li sendis protestajn leterojn al gvidaj funkciuloj de la Konferenco. Intertempe la skandalo vastiĝis, kreskis la nombro de vizitantoj de la ekspozicio. Kaj sub influo de la publika opinio la sinteno de la delegitoj komencis ŝanĝiĝi. Sentante plifavoriĝon de la situacio, Lapenna pliigis la premon. En novaj interparoloj kun delegitaroj li diris, ke la afero minacas fariĝi monda kultura skandalo. Kopiojn de sia protesta letero Lapenna dissendis al ĉiuj landaj delegitaroj.

Kaj venis la decida tago – la 10-a de decembro. Matene oni informis al Lapenna, ke tri gvidaj funkciuloj de la Konferenco pretas akcepti lin por aŭdi lian plendon. Samtage tiu akcepto okazis. Lapenna esprimis la proteston, kaj oni lin demandis, kio estas farebla por korekti la eraron. Kaj tiam Lapenna diris: la sola kontentiga solvo estus revoĉdonigi la rezolucion en la Pleno de la Konferenco. Li estis certa, ke tian aŭdacan proponon oni malakceptos, ĉar la proceduraj reguloj tion ne antaŭvidis. Kaj li estis ege mirigita, kiam unu el la funkciuloj diris, ke la pretendo estas prava, kaj la aliaj du konsentis; unu el ili eĉ proponis subteni la rezolucion nome de sia delegitaro – la svislanda. Tio okazis 5 minutojn antaŭ la lasta kunsido de la Pleno.

Kiam oni anoncis la tagorderon pri Esperanto, unue parolis meksikia delegito, kiu reproponis la rezolucion. Post li britia delegito proponis forigi iun punkton, kiun kontraŭis kelkaj delegitaroj. El taktika vidpunkto tiu amendo estis favora, ĉar certigis pliajn voĉojn “por”. Meksikio konsentis kun la britia amendo, neniu plu petis la parolon – ankaŭ ne Lapenna, kiu vidis, ke eĉ sen lia interveno ĉio iras

glate.

Poste oni venis al la definitiva voĉdono. “Kiu estas por?” – demandis la prezidanto, kaj leviĝis 30 brakoj. Kontraŭ estis 5, sin detenis – 17. Tiel estis akceptita la historia rezolucio. La decido estis renkontita per forta aplaŭdo. Homoj leviĝis de siaj seĝoj kaj venis al la reprezentanto de UEA por gratuli. Tiutage Ivo Lapenna estis la heroo, kaj eble tio estis la plej triumfa momento en lia eventoriĉa biografio.

Tre granda estis la ĝojo en la E-movado. La E-gazetaro aklamis la grandan laboron kaj la diplomatiajn kapablojn de Ivo Lapenna. Versaĵojn pri la evento verkis Kolomano Kalocsay, Reto Rossetti, William Auld. Kaj Marjorie Boulton donis al sia kato la nomon Montevideo…

Por ni aparte emfazindas la cirkonstanco, ke inter la sin detenintaj ŝtatoj-membroj en ambaŭ voĉdonoj estis Soveta Unio. Post du jardekoj da persekutoj kaj totala prisilentado eĉ la nura fakto, ke USSR ne kontraŭis la rezolucion, favoran al Esperanto, estis rimarkinde grava por la posta evoluo koncerne revivigon de la movado en nia lando kaj en la popol-demokratiaj landoj.

---

***IRINA GONĈAROVA***

# KIO POST StRIGo?

Jes, kio post la kara, amata, interesega, etosplena, ripoziga, malstreĉanta, forloga StRIGo, el kiu iom post iom foriris Esperanto? Jen la demando, kiun mi metas antaŭ vi, esperantistoj de la striga generacio. Al tiuj el vi, kiuj legas kaj komprenas la tekston. Al tiuj, por kiuj mankas Esperanto dum StRIGoj kaj strigeskaj aranĝoj, al tiuj, kiuj ŝatas la lingvon kaj la ideon, kiuj volas progresi en la lingvo kaj aktive ĝin uzi, kiuj emas scii ties kulturon kaj – kia freŝa kaj aŭdaca penso! – al la kulturo kontribui kaj ĝin evoluigi. Iam StRIGo malfermis novan epokon en la rusia junulara E-movado. Kaj tre rapide ĉiuj niaj junularaj E-aranĝoj tiel aŭ alie fariĝis “strigoj” – kun simila programskemo, kun simila programplenigo, kun simila programstreĉo, kun simila etoso kaj progresanta krokodilado. Mi tre ŝatus nun anonci tiun epokon fermita.

Mi volas lanĉi ion tute alian en tiu ĉi lando. TUTE ALIAN, ĉu vi komprenas? Por vi, karaj, valoraj kaj raraj unuopuloj – esperantistoj de la striga generacio. Kaj mi kredas, mi certas, ke ni faros tion kune. Imagu – kia aventuro, kia risko, kia impertinenteco, kia ĝuo estos superi kaj venki nevenkeblan marĉon de niaj inercio kaj pigro, de niaj krokodilado kaj neglektado, de niaj analfabeteco kaj stultaj ambicioj! Kia honoro – malfermi novan epokon de pli noblaj idealoj, pli seriozaj celoj, pli fruktodona laboro kaj persona intelekta progreso!

Nun vi atendas konkretan proponon, ĉu ne? Tiu venos. Sed ne nun. Ne tuj. Ne en tiu ĉi mesaĝo. Mi esperas, ke vi transkaptis la impulson. Trasentu, kiel via esperantistemo reagis al ĝi. Demandu vin – ĉu vi pretas? Maturiĝu. Generu ideojn. Kaj ni, certe, ricevos novan tradician Esperantan aranĝon, kies gloro multe superos tiun de StRIGo!

# StRIGo-10

*Inter la 4-a kaj 8-a de novembro en Niĵnij Novgorod okazis StRIGo-10, unu el la plej popularaj rusiaj E-aranĝoj. Iom da statistiko: en la aranĝo partoprenis 147 personoj, 82 inoj kaj 65 viroj. Estis reprezentitaj 5 landoj: Belgio, Francio, Germanio, Kolumbio kaj Rusio (19 regionoj). 6 partoprenantoj havis la aĝon malpli ol 16 jaroj, 43 – pli ol 30 jaroj, la ceteraj 98 havis la aĝon inter 16 kaj 30 jaroj. Laŭ la lingvonivelo: 34 estis novuloj (kiuj neniam lernis E-on), 33 – komencantoj, 45 – progresantoj, 35 – aplikantoj. Laŭ asertoj de la organizantoj tiu ĉi StRIGo estis la lasta, ekde sekva jaro E-klubo MASI planas lanĉi alispecan E-aranĝon, legu pri tio la notojn de Irina Gonĉarova en la antaŭa paĝo. Ĉar la aranĝo estis la plej granda ĉi-jara rusia landa aranĝo kaj estis anoncita kiel lasta tiuspeca, al la raporto pri ĝi en tiu ĉi REGo estas dediĉita iom pli da spaco ol kutime. Sed, ĉar la programo laŭ siaj etoso kaj enhavo estis simila al la antaŭaj StRIGo-j (pri kiuj estis rakontoj en REGo dum antaŭaj jaroj), ĉi-foje ĝi estos ne kutima raporto, sed la fota.*

---

# Kiel oni...

## Kiel oni registriĝis:



*Poste necesis zorge plenigi la aliĝilon.*



*Roman estis la unua homo, kiun oni kontaktis dum la registrado.*



*Iuj venis al la registrado kun kulero anstataŭ skribilo.*

## Kiel oni hisis la flagon:



Ĝi leviĝas!



*Faru la rondon, aperos la ret'...*



*Kaj tri ĉarmaj knabinoj solene fiksis la flagon en la fenestro.*

## Kiel oni pentris:



*Por pentri iuj preferis knabojn...*



*...iuj – knabinojn...*




*... kaj aliaj desegnis siajn revojn surpapere.*

## Kiel oni librobutikumis:



*Geĉjo sukcesis esti ne nur fotisto, bufedisto, komputilisto kaj riparisto, sed ankaŭ libroservisto.*



*Jam du libroservoj sur unu tablo.*



*Sed poste venis Ĉeboksari kaj organizis la plej grandan libros-ervon.*

## Kiel oni legis:



*Ĵus aĉetitan libron oni komencis tuj legi.*



*E-libroj estas diversaj – seriozaj...*



*..amuzaj...*



*...emoci-plenigaj...*



*...sed la fino ĉiam estas bona.*

## Kiel oni manĝis:



Knabina flanko de la tablo.



Frua matenmanĝo.




Verda anguleto.

## Kiel (kaj kion) oni trinkis:




Akvon.



Teon.



*Oranĝajn sukojn (11 specojn).*



*Vinon (ne, ne, nur gustumis!).*

## Kiel oni vestiĝis:



*Inventi novan kostumon el malnovaj aĵoj estas malfacila tasko.*



*Tial, modo de sekva jarcento…*



*...estos: "Taŭgas ĉio!"*

## Kiel oni evoluis:



Se vi atente aŭskultos...




...la instruistinon...




...tiam vi kreskos saĝa kaj vivos libere.

## Kaj, fine, kiel oni amuziĝis:



*Kelkaj ricevadis ĝuon de la komputilo.*



*Kelkaj – de la spegulo.*



*Kelkaj – de la ŝnurego en la sporta halo.*



*Kelkaj – de nenio.*




*Kaj por ĉiuj aliaj estis destinitaj grandaj tortoj.*

---

***Ideo: Marija Terjoĥina.*** ***Komentoj: Jurij Karcev.***
***Fotoj: Gennadij Basov, Jurij Karcev, Anatolij Krasnokutskij k.a.***

## EVOLUO DE BIRDOJ

***Loko: Uljanovsk***
***Tempo: la 5-a – 8-a de marto 2005***
***Temo: Aplikado de Esperanto***

Kiom longe vivas strigoj? Praktiko montris, ke iam ili povas festi sian 10-fojan aperon, kio signifas 9-jaran aĝon. Dum kelkaj jaroj ĝi estis vizaĝo de la movado. Tamen ĝia tempo pasis, kaj venis tempo por iu nova birdo. Provu ni krei ion novan, konsiderante kaj sukcesojn, kaj mankojn de la estinto.

StRIGo estis planata kiel renkontiĝo por novuloj. La celo estis allogi homojn al E-movado, montri al ili ties bonaĵojn. Jes, kiam la kursanoj komencas lerni Esperanton, ili ankoraŭ ne scias, ke tio estas ne nur lingvo, sed ankaŭ movado kaj stato de la animo. Nur post sia unua renkontiĝo ili komprenas tion. Do, estus bone, ke tuj post la kursoj ili trafu iun E-renkontiĝon. Sed kion ni montru al ili? Kion ili mem volas ricevi kaj kion ni, movadanoj, volas al ili doni dum la renkontiĝo?

Unue, lingvoscio. Tamen dum du-tri tagoj ne eblas aldoni multajn sciojn. Nur sistemigi ion aŭ profundigi terminaron en iuj konkretaj fakoj. Do, estas ne la plej grava tasko.

Due, praktiko. Eblas montri, ke oni povas komuniki plene en Esperanto, do ĝi estas uzebla kaj uzata lingvo. Krome, per profundiĝo en la lingvan medion oni pli rapide absorbas ĝin.

Trie, la etoso. Ni allogas homojn emoci-nivele kaj en tiu stato ili strebos al sekvaj renkontiĝoj. Ĉu ili strebos lerni la lingvon? Dependas de tio, je kioma grado la etoso estas ligita kun la lingvoscio. T.e. se la etoso aperadis nur nokte, dum iuj ruslingvaj amuzoj kaj gitarumado – la lingvo ne estas bezonata. Se ĝi aperadis ankaŭ dum E-lingvaj programeroj, kaj la homo konscias, ke ju pli multe oni scias, des pli multe oni ricevas plezuron – tiam la homo mem strebos lerni. Do, nia ĉefa tasko ĉirilate estas ligi la etoson al Esperanto.

Sed ĉio supre listigita estas agado "por Esperanto". Por allogi homojn, por plialtigi la lingvan nivelon. Sed kio do "per Esperanto"? Por kiu celo ni ĝin lernas kaj uzas? Ĉu nur por renkontiĝi kun geamikoj, partopreni kaj reciproke organizi renkontiĝojn? Tio ne estas malbona, precipe se temas pri eksterlandaj vizitoj, sed ekzistas io plia. Ĉu ne? Tial la kvara kaj la plej grava tasko de la renkontiĝo estas montri al la novuloj praktikajn eblojn de E-movado. Ne perspektivojn, pri kiuj jam tedis la lango, sed tion, kion ni havas jam nun. La aplikojn.

Ekde Pasporta Servo, kiu permesas gasti ĉe geamikoj en multaj landoj, ĝis internaciaj geedziĝoj – kial ne? Kun fotoj kaj detaloj. Eble por homoj ne tio estis la celo, kiam ili lernis la lingvon, sed tamen estas tiu bono, kion donis al ili E-o. Por iuj la celo iĝis literaturo, verkado, por aliaj – biciklado kun geamikoj, kion ili ne povis trovi hejme. Menciindas ankaŭ la propedeŭtika valoro de Esperanto, kiu faciligas lernadon de aliaj lingvoj. Aparta temo estas la Interna Ideo, kiu ebligas pensi ne nur pri si mem, sed pri la tuta homaro.

Ĉiuj dumtagaj programeroj estu en Esperanto. Nenia sinkrona traduko. Tiu traduko nur profanas la ideon, ŝajnigas E-medion, sed nenion donas rilate la lingvon. Eĉ tiu, kiu povus kompreni E-parolon, atendos la rusan tradukon anstataŭ

streĉi la cerbon. Pli honeste estus plene en la rusa, ankaŭ la tempon oni ŝparus. Sed tio jam havus nenian rilaton al E-renkontiĝo.

Do, la celgrupo estas komencantoj kaj progresantoj, sed kio estas komencantoj? Ni difinu minimume, ke ili jam scias la gramatikon, sed eble ne posedas tre grandan vortprovizon kaj ne povas flue paroli. Tamen ili devas kompreni Esperantan parolon, almenaŭ tre klaran, malrapidan, kun anticipe klarigitaj malfacilaj vortoj.

Laŭ lingva nivelo povas esti du aŭ tri gradoj de programeroj. En la plej facila nivelo eblas dum la unua duonhoro de la programero doni la terminojn, iomete paroligi la homojn. Kaj poste rakonti per facila lingvo, zorgante pri la kompreno. En aliaj gradoj la lingvo estas pli altnivela. Certe neniu malpermesas al komencanto viziti pli altan nivelon, se la temo estas speciale interesa por li.

Jen tian koncepton de la renkontiĝo ni dume havas. Kion vi pensas pri ĝi? Ni atendas viajn ideojn kaj proponojn.

***Jurij Karcev (Uljanovsk)***

## LA 9-A LINGVA FESTIVALO EN ĈEBOKSARI

La 22-24-an de oktobro Ĉeboksari denove iĝis la Ĉefurbo de nia Mondo. Tie vican fojon okazis la grandioza festo – la 9-a Lingva Festivalo. Ĝi restas absolute unika esperantista agado, destinita por vasta ekstera publiko. Kaj mi bonŝancis trian fojon partopreni ĝin. Per kio do surprizis min la 9-a LF?

Antaŭ la Festivalo unuafoje okazis la scienc-praktika konferenco "Funkciado de minoritataj lingvoj en kondiĉoj de tutmondiĝo", kiun partoprenis ne nur profesoroj de la Ĉeboksara universitato kaj lokaj esperantistoj, sed ankaŭ speciale invititaj gastoj el Rusio – Nikolao Gudskov (Moskvo), Aleksandro Melnikov (Rostov-ĉe-Don), Abduraĥman Junusov (Maĥaĉkala), Vjaĉeslav Ivanov (Sankt-Peterburg), el Katalunio – Hektor Alos Font, el Italio – Pier Luigi Cinquantini. La konferenco pasis en tri lingvoj – la rusa, la ĉuvaŝa kaj Esperanto.

Samvespere (en la antaŭfestivala vendredo) ni vizitis la finalon de studenta maratono – la teatran konkurson (oni devis plenigi la konatan en nia junulara Esperantujo taskon – scenigi rusajn fabelojn en diversaj ĝenroj). Tio estis la tria konkurso post la sporta kaj la intelekta. Mi admiris la fakton, ke la organizantoj sukcesis engaĝi en la procezon tiom da gejunuloj el diversaj altlernejoj (mi diru – centojn!).



*Dum unu el la vesperoj en Ĉeboksari Pier Luigi kuiris por la geamikoj italajn spagetojn.*

Sabat-dimanĉe, dum la festivalaj tagoj, inter la Solena Malfermo kun anoncado de la lingvoj

(ĉiam emocia por mi) kaj la Solena Fermo kun la grandioza Internacia koncerto (ĉiam ĝuiga por mi) okazis multaj interesaj kaj gravaj eventoj, inkluzive, kompreneble, la lingvajn prezentadojn mem. Mi admiris prezentadon de Esperanto far Aleksandr Melnikov, ĝojis pri furora sukceso de la ĉeĉena, armena kaj nepala prezentadoj, scivolemis pri laboro de majstroj dum la prezentado de la angla, ĉagrenis pro foresto de publiko ĉe la penĝaba lingvo, ridetis pri teatra invitado al la germana, fieris pri la prezentadoj de la kataluna, itala, germana, oseta, dagestanaj kaj artefaritaj lingvoj fare de niaj samideanoj-esperantistoj. Kun granda intereso mi partoprenis tri aranĝojn kun la konata poligloto, psikologo, filozofo, multflanka artisto Valerij Kurinskij el Kievo, aŭtoro de la fama libro "Aŭtodidaktiko".

Por mi persone tre gravis, ke al la festivalo kun mi venis tri miaj tiamaj kursaninoj kaj unu klubanino – ili ĉiuj estis tre pozitive impresitaj, kio havas grandan valoron, precipe por komencantoj. Alvorte, ĉi-jara surprizo estis ankaŭ la du busoj da uljanovskanoj, kiujn venigis Jurij Karcev kaj lia patrino Margarita Jurjevna. La uljanovskanoj kontribuis al la programo. Ekzemple, la amuza teatra prezentado de la germana lingvo estis farita de ili. Krome, ili lanĉis novan eron – la Infanan ĉambron, kie eblis, intercetere, spekti animaciajn filmojn en fremdaj lingvoj.

Multaj eventoj, multaj impresoj, multaj dankoj al la partoprenantoj. Kaj neestingeblan admiron – al la organizantoj – la Ĉuvaŝa Esperanto-Centro kaj JEAĈR – brilanta pinto de la tutmonda esperantista movado!

***Irina Gonĉarova (Odincovo)***

## INTERVJUO DE LEONID JUZEFOVIĈ

*Kiel vi jam povis legi en la antaŭa numero de REGo, nuntempe por la unua televidkanalo estas filmata seriaro laŭ la romano de Leonid Juzefoviĉ "Kazaroza", en kiu ĉefaj eventoj okazas en E-klubo en la 20-aj jaroj de la pasinta jarcento. Dum la filmado en Kostroma tiea esperantisto Aleksej Kuznecov, konsultita de la filmistoj pri E-prononco, prenis intervjuon de la aŭtoro de la romano.*

***Ĉu Vi antaŭe partoprenis Esperanto-renkontiĝojn?***

Mi havis tre malnovan version de la romano, antaŭ ĉ. 20 jaroj, ĝi nomiĝis "Klubo "Espero"". Oni invitis min al esperantista renkontiĝo en Uralo. Mi tiam loĝis en Permj, oni kunvenis apud Miass. Estis multe da homoj, venis ĉirkaŭ 200 personoj, ili luis turistan ripozejon. Mi loĝis kun ili dum tri tagoj, observis. Tio estis en la jaro 81-a… Mi partoprenis la renkontiĝon, sed mi neniom komprenas Esperante, al mi estis interese observi.

***Ĉu en Via romano ĉio estas elpensita aŭ estas realaj historiaj faktoj?***

Mi neniam elpensas bagatelojn, mi elpensas nur la enhavlinion. Mi aranĝas realajn faktojn laŭ la enhavlinio. Ĉiujn komunvivajn bagatelojn, ĉion koncerne Esperanton, ĉiujn detalojn – efektive estas tiel.

***En la romano estas menciata E-klubo, kiu konkrete?***

Tio estas konkreta esperantista klubo. Ĝenerale mi deziris, ke ĉion ĉi oni filmu en mia naskiĝurbo, kie fakte la agado okazas, kvankam ĝi ne estas nomita. Kon-

stante estas menciata Kama… Mi estas permano, en Moskvo mi loĝis nur dum lastaj 25 jaroj. Tien eĉ venis anoj de la filmad-teamo, filmis ĉion, esploris. Sed Permj tamen estas granda urbo, multe pli granda ol Kostroma, kaj tie jam ĉiuloke estas konstruitaj novaj domoj. Oni volis filmi en Miŝkin, sed Miŝkin evidentiĝis tro malgranda urbo. Ĉar temas ja pri gubernia urbo, sed en distrikta urbeto tiaspecaj movadoj ne estas eblaj. Estis bezonata gubernia centro. La reĝisoro proponis Kievon. Sed al mi ŝajnas, ke tio ne estis tipa por la sudo de Rusio. Tiu movado – impeto al monda frateco, io tia estas karakteriza por la centro, por la norda Rusio, eble por Siberio, sed ne por la sudo. Tio povis okazi en Kostroma, Permj, Jekaterinburg, sed koncerne Rostovon-ĉe-Dono aŭ Stavropolon – tie oni havas iom aliajn problemojn. Rusio ja estas granda kaj diversa. Mi certe deziris, ke oni filmu en Permj, sed tio ne realiĝis.

Tie estas realaj ĉiuj stratnomoj kaj Stefana lernejo – lernejo de Stefano la Grandperma. Ĝi ekzistas, ĉio estas konkreta. La tuta topografio estas absolute reproduktita. Tie estas nenia mensogo. Mi havis antaŭ la okuloj kaj la mapon, kaj la urbon: mi ĝin konas tre bone, mi loĝis tie dum 35 jaroj, ĝi estas mia naskiĝurbo.

***Kaj kio pri Kazaroza?***

Pri Kazaroza estas iom alia historio. Efektive ekzistis la kantistino Kazaroza, ĝi estis mia praonklino – fratino de mia avo. Ŝi estis konata kantistino, por ŝi verkis versaĵojn kaj Blok, kaj Miĥail Kuzmin (li estis tre fama poeto, li verkis tekstojn por ŝi). Ŝi unuflanke strebis simili al Icadora Duncan: dancis nudpiede, dancis sur tabloj, kaj samtempe ŝi estis io simila al bardo. Estante tre muzikema, ŝi havis tre feblan voĉeton. Efektive ŝi suicidis en Berlino en la 30-aj jaroj, ŝi estis elmigrinta. Kazaroza – estas ŝia scena pseŭdonimo. Ĝin elpensis la menciita Miĥail Kuzmin – simbolisto, lia plej fama libro estas “Truto frakasas glacion”.

***Ĉu efektive okazis tiu kunveno esperantista, simila al la framasona, plena de misteraj signoj kaj ritoj?***

Certe, ne. Ja ekzistas la imago, do ion tie mi alpensis...

***Kaj kio pri la mono de esperantistoj en eksterlandaj bankoj?***

Tio estis, temas pri realaj faktoj. La E-movado estis forta jam antaŭ la revolucio, ĝi havis iom religiecajn trajtojn. La ideo estis tre forta. Ene de ĝi estis plej diversaj fluoj. Por mi Esperanto estis interesa kiel modelo de ajna ideologio. Ideologio neeviteble disfalas je diversaj sektoj, branĉoj. Kiam mi estis verkanta la unuan varianton, por mi tre gravis la ideo, ke “herezulo estas pli terura ol alikredanto, li ĉiam estas pli danĝera”. Nun tio neniun mirigas, tial ŝajnas al mi, ke tio estas romano pri forpasanta tempo, pri tio, kiel la tempo pasas, kiel ĝi seniluziigas, pri la sento de historio. Esperanto por mi gravas ne per si mem, sed kiel ia modelo, modelo de la mondo. Pri tio, kiel ĝi aperas, kiel io artefarita. Ekzemple, socialismo aperis en Rusio kiel io artefarita kaj fremda por Rusio, sed pasas ioma tempo, eble 50, 60, 70 jaroj, ĝi enradikiĝas kaj ni jam ne povas nun diri, ke socialismo, do tio, kio okazis al Rusio post la revolucio, estis tute malpropra kaj malbona; nur stultulo povas tiel diri. Ĝi estis nia historio. Kaj la samo okazas al Esperanto. Aperas

sovaĝa, ni diru – stulta ideo, sufiĉe delira, pri kreo de internacia lingvo. Sed ĉar ĝi vivas, ensorbas sortojn de homoj, ĝi iĝas viva. Malantaŭ ĝi same aperas historio, memoro, propra kulturo. Do por mi ankaŭ tio estis interesa.

***Se preni la ideon mem de internacia lingvo kiel internacia komunikilo: ĉu Esperanto estas hodiaŭ aplikata?***

Miaopinie tio nun estas nulnivela. Min konsternis frazo, kiun komence de la 20-a jarcento patro diris al filo pri la diferenco inter la franca kaj la angla lingvoj: "la angla estas luksaĵo, sed la franca estas bezonaĵo". Post la unua mondmilito ĉio ŝanĝiĝis. Se oni mondvojaĝas, ĉu vi scias, oni estas devigita interkompreniĝi en la angla. Ĵus mi revenis el Mongolio, tie la rusan la juna generacio jam forgesis. Oni tie lernas la rusan lingvon en lernejoj, sed tiaj lernejoj malmultas. La ĉefa lingvo estas la angla, kaj se oni konsideras, ke en Ulanbatoro loĝas ankaŭ koreoj, japanoj kaj ĉinoj, do tutegale oni bezonas la anglan. Tial ĝi nun ekzistas; oni ne scias, kiom longe ĝi pluvivos, por kiom da jaroj ĝi sufiĉos, sed certe por nia vivo, por niaj gefiloj, miaopinie ankaŭ por niaj genepoj.

Al mi ŝajnas, ke pure praktikan valoron Esperanto ne havas. Kiam en la 70-aj jaroj mi estis verkanta la romanon kaj interesiĝis pri ĉi tiu problemaro, – ĉu vi scias, kie Esperanto estis plej disvastigita? Estis Finnlando kaj Hungario, ĉar iliajn lingvojn estas neeble ellerni. Kaj en Soveta Unio la centro de E-movado estis Talino. La finno-ugraj lingvoj ja estas neellerneblaj, ili estas monstre komplikaj, tial rusoj, kiuj loĝas en Latvio kaj Litovio, sufiĉe rapide ekposedas tieajn lingvojn, sed por rusoj, loĝantaj en Estonio, tio estas granda problemo. Ĉio ĉi estas iel ligita.

Tamen, tio estas bonega okupo. Ĉi tie gravas jam la historia aliro, ĉi tie ĉio estas nedisigeble ligita kun la historio, kun tio, kio kreskis sur la lingvo. Same kiel ajna lingvo, ajna hobio – tio estas maniero plivastigi la konscion, kaj tio estas bonega. Sed praktikan valoron, ŝajnas al mi, Esperanto ne havas.

Sed, ĉu vi scias, ju malpli da praktika valoro, des pli da io por si ricevas la homo. Kiam ni ekokupiĝas pri io pro la praktika utilo, en ni malaperas io intima. Ne tuj, poiomete. Jen, eĉ la filmscenaro estas ege malriĉigita kompare kun la romano. Ĝi diferencas tre grave. Ĝin verkis mi mem, sed mi verkis kun konsiloj, kun partopreno de la reĝisoro, tio kompreneblas. Tie estas alia fino, eĉ alia murdinto, tie ĉio estas iomete alia.

La filmproduktisto venigis por mi Esperanto-poŝtkartojn el Vieno, tie estas muzeo de Esperanto en la palaco Hofburg – reĝa rezidejo. En ili estas bonege reflektita la tempo, ili rilatas al la tempo antaŭ la unua mondmilito. Kaj estas tasko de artisto: transdoni en la filmo tiun atmosferon, verdajn stelojn, esperantistajn afiŝojn, la atmosferon de la tempo. Esperanto estas grava parto de la filmo. Nun Esperanton scias malmultaj, sed post la filmo en la 1-a kanalo miaopinie oni scios.

***Kiam proksimume estas atendata la finpretigo de la filmo?***

Nun estas malfacile diri, sed ne pli frue ol sekvan aŭtunon. Du monatojn daŭros la filmado, poste sonigo, poste venos somero, dum kiu premieroj ne okazas. Tial miaopinie ĝin oni ne montros ĝis la sekva sezono.

***Kiom mi scias, la filmo estas 4-seria…***

Jes, kaj se oni ĉion filmos sukcese, estos ankaŭ ekrana varianto. Ĝi estos ne seriaro, sed filmo. "Kazaroza" estas filmata per kinobendo, la kameraisto estas Sergej Trofimov, kiu filmis "Noktan patrolon", li estas eminenta kameraisto. La filmo devas esti bela. Ĉi tie estas amasaj scenoj por 200 homoj, por ĉiu oni kudras kostumon, la amasulojn oni vestas dum 2 horoj, ĉiun homon.

***Ĉu en la filmo sonos Esperanto-muziko?***

Muzikon en Esperanto mi ne konas. Ĉu vi scias ian karakteran muzikon? En la filmo estas multaj kantoj, mi mem verkis ilin. En la filmo sonas la kanto "Sonĝo" laŭ la versaĵo de Lermontov. Mi en iu ĵurnalo ellegis nur du liniojn: "En valo Dagestana dum varmhoro…". Se vi povus retrovi la reston, estus ege bone. Tie estas bezonataj almenaŭ du pliaj linioj, por ke Kazaroza kantu ĝuste en Esperanto.

***Mi penos retrovi ilin. Kiuj ludas la ĉefajn rolojn?***

La rolon de Kazaroza ludas konata aktorino Oksana Fandera. La junan Sveŝnikov rolas Vladislav Galkin. La rolon de Vagin ludas Jegor Berojev, konata kiel Fandorin en la filmo "Azazel". (Daneviĉ – Dmitrij Ŝevĉenko, Sikorskij – Viktor Verĵbickij – *rim. de A.K.*) La maljunan Vagin devis roli Miĥail Uljanov, sed ili tiel ne volas, ĉar ne devas esti tiel, ke kaj la junan kaj la maljunan rolu konataj aktoroj.

***Ĉu la tuto estas filmata en Kostroma?***

Parto estas filmota en la bieno de Tjutĉev – Muranovo, kaj la naturaj scenoj estas filmataj en Kostroma. Poste estos pavilona filmado. La salonon oni filmos en Moskvo. Ĉe Volgo oni filmis scenon pri la intercivitana milito kaj la batalon – rememoron de Sveŝnikov.

***Ĉu vi multe vojaĝas?***

Mi ŝatas Orienton, tial mi ĉiam vojaĝas tien. Mi okupiĝas pri la historio de Mongolio kaj ofte vizitas ĝin. Printempe mi vojaĝis al Himalajo, al mi plaĉis tie. Nun mi jam perdis iom da entuziasmo, sed pli frue mankis la mono.

***Ĉu vi ricevis leterojn de legantoj pri Esperanto?***

Ne. Al mi mem neniu skribis, sed en Interreto io estas. Estis artikolo en "Izvestija", intervjuo kun mi kaj la titolo: "Esperantistoj-murdistoj". En iu retforumo oni tre indignis, estis subskribita iu kolektiva letero al la redakcio. Al mi oni pli frue leteris, nun la popolo estas okupita pri monakirado. Traduko de mia libro baldaŭ eldoniĝos en Italio.

***Ĉu oni povas traduki la filmon Esperanten aŭ fari Esperantan ekrantekston?***

Tion mi ne scias, tio dependas de vi. Ĉiukaze, aperos ia intereso pri Esperanto, ĉar la filmon montros la 1-a kanalo, por la tuta lando, la spektantaro estas grandega kaj por multaj la vorto "Esperanto" dume diras nenion...

***Dankon pro la intervjuo!***

***intervjuis Aleksej Kuznecov (Kostroma)***
***tradukis Viktor Aroloviĉ (Moskvo)***

# ZAMENHOF-TAGOJ...

## ... EN MOSKVO

La 16-an de decembro, en la klubejo ĉe metrostacio Kievskaja okazis komuna kunsido de la E-kluboj "Lev Tolstoj" kaj "MASI", dediĉita al Zamenhof-tago. Ĉeestis ĉ. 30 personoj. La kunveno riveliĝis vera "Tago de Esperanta libro": ĉeestantoj rakontis pri diversaj libroj (plejparte tuj aĉeteblaj kaj aĉetitaj!), deklamis poemojn de Zamnehof kaj aliaj famaj E-aŭtoroj, inter la deklamintoj estis kelkaj komencantoj. Klara Ilutoviĉ kaj Anatolo Surnakin prezentis proprajn verkojn. Estis sonigitaj kelkaj kantoj el prezentitaj KD-diskoj kaj kasedoj. Specialan atentoj ricevis 10-jara datreveno post forpaso de nia fama samurbano Boris Tokarev (pseŭdonimo – Bonifatio Tornado), kies libroj ankaŭ troveblis en la butiko. La programo fariĝis tre densa kaj vigla, libroj aktive disvendiĝis, kio atestas ke intereso al E-literaturo kaj kulturo plu vivas. La kunveno estis la lasta en tiu klubejo, kie moskvaj samideanoj renkontiĝadis dum ĉ. 10 jaroj, sed kiun nun devas forlasi pro neeltenebla altigo de luprezo. Nun la klubo "Lev Tolstoj" planas organizadi renkontiĝojn dufoje monate lunde en la universitato "Justo".

***Nikolao Gudskov (Moskvo)***

## ... EN KALININGRAD

La 3-5-an de decembro 2004 en Kaliningrad okazis vica Zamenhofa semajnfino organizita de "La Ondo de Esperanto" kaj Ĝenerala konsulejo de Pola Respubliko en Kaliningrad. Ĝin partoprenis pli ol 40 lokaj esperantistoj kaj gastoj el Pollando, Germanio, Litovio. Litovan Esperanto-Asocion reprezentis ĝia prezidanto Povilas Jegorovas. Li parolis dum la malfermo de la aranĝo kaj donacis al Ĝenerala konsulo Jaroslaw Czubinski litovlingvan libron de Roman Dobrzynski "Zamenhofo gatve" (pasintjare estis donacita la sama libro en Esperanto "La Zamenhof-strato"). La aŭtoro de la libro ankaŭ ĉeestis dum la aranĝo. La aranĝo altiris grandan atenton de amaskomunikiloj. Estis reprezentantoj de tri televidoj kaj kvar gazetoj. Al du televidoj intervjuon donis Povilas Jegorovas, samtage raportoj pri la aranĝo estis montritaj dum novaĵprogramoj de ĉiuj tri televidoj. Sekvan tagon (sabate) la programo daŭris en Kulturpalaco de maristoj. Krom aliaj programeroj Povilas Jegorovas prezentis la 90-an UK, okazontan venontjare fine de julio en Vilnius. Li ankaŭ raportis pri agado de litovaj esperantistoj dum seminario de balti-landaj esperantistoj. Sekvis aliaj interesaj programeroj. La aranĝo estis tre sukcesa.

***(esper-inform)***

## ... EN LITOVIO

La 11-12-an de decembro 2004 en Kaunas okazis tradicia ĉiujara aranĝo de litoviaj esperantistoj "Zamenhof-tagoj 2004", dediĉita al la 145-a datreveno ekde la naskiĝo de Ludoviko Zamenhof. La aranĝon partoprenis pli ol 230 litovaj esper-

antistoj el 27 litoviaj urboj kaj loĝlokoj kaj gastoj el Rusio, Pollando, Latvio, Belorusio. En la programo estis prelego de Aleksander Korĵenkov "Esperanto post la jaro 2000", koncerto de flutistino Lidija Gomolickaite-Grudzinskaite kaj pianistino Ramute Peciuliene, spektado de filmoj pri la 89-a UK en Pekino. Ewa Bondar enmanigis atestojn al finintoj de diversnivelaj Esperanto-kursoj. Vespere la 11-an okazis amatora koncerto de partoprenantaj esperantistoj. Sekvan tagon, dimanĉe, okazis diskutado pri la agado de litovaj esperantistoj ĉefe direkte al organizaj preparlaboroj al la 90-a UK en Vilnius sekvajare. Krome, funkciis riĉa libroservo, eblis aboni diversajn Esperanto-revuojn kaj gazetojn, pagi membrokotizon de LEA, membriĝi al UEA k.s. Kelkdek esperantistoj tuj aliĝis al la 90-a UK. Junularo daŭrigis la programon en tiel nomata Zamenhof-nokto.

***(esper-inform)***

## ... EN JEKATERINBURG

La 18-an de decemboro jekaterinburgaj esperantistoj kolektiĝis en la Domo de Paco kaj Amikeco por festi Zamenhof-tagon. 27 personoj partoprenis la aranĝon, plejparto el ili estis el Jekaterinburg, sed venis ankaŭ gastoj el najbaraj urboj Ĉeljabinsk, Tjumenj kaj Niĵnij Tagil.

Programo de la festo estis interesa kaj gaja. La partoprenintoj aŭskultis surbendigitan voĉon de Zamenhof, partoprenis kvizon pri la "Proverbaro" de L.Zamenhof kaj kvizon el historio de SvEK fare de Tatjana Kulakova. Estis prezentita fragmento el la romano de M.Bronŝtejn "Dek tagoj de kapitano Postnikov" – dialogon inter L.Zamenhof kaj kapitano Postnikov rolis Viktor Kudrjavcev kaj Viktor Kulakov. Mansur Mamkin el Tjumenj prezentis anekdotojn el vivo de esperantistoj kaj volapukistoj. Larisa Kuzjmenko el Niĵnij Tagil disdonis Esperantajn manfaritajn donacetojn al la partoprenintoj. Ni ludis diversajn lingvajn kaj sociajn ludojn, trinkis teon kaj ĉampanon.



Akompane de lerta gitarludo de Nikolaj Terentjev el Ĉeljabinsk ĉiuj plezure kantis. La feston finis tamen seriozaj paroloj pri venontaj REK kaj EoLA en 2005, planataj en Jekaterinburg. En tio aktive partoprenis Aleksandr Kalaŝnikov kaj Pavel Veselov el Tjumenj...

***Raja kaj Viktor Kudrjavcev (Jekaterinburg)***

# Bulteno de REU

## MALFERMA TAGO RIPETIS REKORDON KAJ FARIS NOVAN

De ses jaroj la Centra Oficejo de UEA ne estis tiel homplena kiel en la 21-a Malferma Tago sabaton, la 27-an de novembro, kiam ĉ. 150 esperantistoj el 18 landoj vizitis sian domon en Roterdamo. Tio egalas la rekordon el novembro 1998, sed ĉi-foje la vizitantoj estis pli aĉetemaj ol tiam. La antaŭa vendorekordo estis 4961 eŭroj, sed kvazaŭ por festi la 10-jariĝon de la tradicio de Malfermaj Tagoj la Libroservo de UEA povis registri novan rekordon de 5262 eŭroj.

La programo de la Tago estis aparte riĉa kaj kulminis en mallonga ceremonio, dum kiu Prezidanto de UEA Renato Corsetti transdonis la Premion "Onisaburo Deguĉi" al Marjorie Boulton. Tiu ĉi plej grava premio de UEA rekonas longdaŭran agadon por internacia amikeco kaj paco pere de Esperanto. Ĝia ĉi-jara ricevanto estis anoncita en la UK en Pekino, sed ĉar Marjorie Boulton ne povis ĉeesti tie, la transdono de la Premio okazis en CO dum la Malferma Tago. Post la premiado la laŭreatino faris impresan prelegon pri la temo "Tra Lumo kaj Mallumo: kelkaj memoroj de veteranino". UEA eldonos ĝin en formo de ilustrita libreto.

> Lastatempe estas renovigita kaj konstante aktualigata la ttt-ejo de REU ĉe <http://www.reu.ru>. Vizitu ĝin por ekscii E-novaĵojn, partopreni en kelkaj diverstemaj forumoj, legi la Statuton, Regularojn kaj aliajn informojn pri la Unio.

Estraranino Claude Nourmont enkondukis omaĝon al Luiza Marin, al kiu Unuiĝo Franca por Esperanto donacis partoprenon en la Malferma Tago por danki ŝin pro preskaŭ 27-jara deĵorado en la oficejo de UFE. Ĝenerala Direktoro de UEA Osmo Buller laŭdis la agadon de s-ino Marin kiel modela ĉefdelegito kaj peranto; kaj Atie van Zeist, sekretariino de la CO, transdonis al ŝi rozon kiel simbolon de la dankemo de la Roterdama stabo pro bona kunlaboro tra la jaroj.

Pluraj novaj originalaj Esperanto-verkoj estis prezentitaj. La plej freŝa estis la romano "La kastelo de Vitro" de John Francis, kiu estis unuafoje aĉetebla en la Malferma Tago. Ĝin prezentis Francisco Veuthey, kiu ilustris la verkon. Jorge Camacho prezentis siajn poemarojn "Celakantoj" kaj "Saturno", kiuj aperis ĉi-jare – samkiel la romano de Mikaelo Bronŝtejn "Dek tagoj de kapitano Postnikov", kies multtalenta aŭtoro krome plezurigis la publikon per siaj kantoj. Alian muzikan kontribuon al la programo faris la kantgrupo "Akordo", kiu prezentis ankaŭ sian kompaktan diskon "Kristnaska kordo" kun 25 kristnaskaj kantoj el diversaj landoj kaj kulturoj.

Fine de la posttagmezo du surprizaj aldonoj al la antaŭanoncita programo plenigis la salonon Zamenhof. Unue Povilas Jegorovas, prezidanto de LKK, rapor-

tis pri la preparoj por la 90-a UK en Vilno. La LKK-prezidanto vidis sian raporton premiita per kelkaj tujaj aliĝoj. La programero "Estraranoj respondas" donis okazon diskuti kun la ĉeestantaj estraranoj, kiuj estis entute kvar, ĉar apud Corsetti kaj Nourmont partoprenis ankaŭ Ulla Luin kaj Ans Bakker-ten Hagen, respektive ĝenerala sekretariino kaj estraranino pri financo kaj administrado.

> Maljunulino eniras fiŝejon.
> – Ĉu estas freŝa via fiŝo, mia filo?
> – Certe, onklino. Ĉu vi ne vidas, ke ĝi ankoraŭ moviĝas?
> – Nu, mia filo. Ankaŭ mi moviĝas...
>
> ***(per-esperanto-humuro)***

Plia agrabla surprizo estis la ebleco renkonti du membrojn de la Esperanto-redakcio de Pola Radio, Barbara Pietrzak kaj Gabriela Kosiarska, kiuj registris dum la Tago plurajn intervjuojn por aŭdigo en proksimaj elsendoj. Al Marjorie Boulton redaktorino Pietrzak ankaŭ transdonis kiel specialan donacon de Pola Radio registraĵon de iama intervjuo kun la fama verkistino.

Al la nova vendorekordo de la Libroservo precipe kontribuis kelkaj novaj titoloj. La plej furora estis la dudirekta nederlanda vortaro, kiu estis vendita en 29 ekzempleroj, sekvata de la nova romano de Francis (21). Aliaj furoraĵoj estis "Mil unuaj vortoj en Esperanto" (14), la Postnikov-romano de Bronŝtejn (10) kaj la plej nova titolo en la Serio Oriento-Okcicento, la klasikaĵo "Aventuroj de la brava soldato Ŝvejk dum la mondmilito" de Jaroslav Haŝek (10). Inter diskoj pleje furoris la ĵus aperinta nova KD de "Kajto" – "Lokomotivo, rulu nun!" (14).

La vizitantoj povis konatiĝi ankaŭ kun malgranda ekspozicio pri Unesko kaj UEA, kiun Ziko Sikosek kunmetis lige kun la 50-a datreveno de la akcepto de la Montevidea Esperanto-rezolucio de Unesko.

Jam nun la stabo de la Centra Oficejo invitas al la 22-a Malferma Tago sabaton, la 23-an de aprilo 2005.

***(Gazetaraj komunikoj de UEA, № 188)***

## NOVAJ KOMISIONOJ KAJ KOMISIITOJ DE UEA

Inter siaj unuaj taskoj la nova Estraro de UEA devas dediĉi multan tempon al la funkciigo de la vasta strukturo de komisionoj kaj komisiitoj, kiuj helpas la Estraron sur plej diversaj agadkampoj. Same kiel la Estraro mem, ankaŭ la komisionoj kaj komisiitoj estas elektataj por trijara periodo. Ĉar ilia mandato formale finiĝis je la UK en Pekino, necesis ekokupiĝi pri la rekrutado por tiuj funkcioj kiel eble plej rapide. Intertempe la Estraro jam faris la unuajn elektojn.

La Komisiono pri la Belartaj Konkursoj de UEA ricevis novajn prezidanton kaj sekretarion, respektive prof. Humphrey Tonkin (Usono) kaj Michela Lipari (Italio). Kunlabore kun la estrarano pri kulturo, Claude Nourmont, ili nun preparas proponon pri la ĵurio de la Konkursoj. En ĝi estos po tri juĝantoj por ĉiuj sep konkursaj branĉoj.

Kiel nova sekretario de la Internacia Kongresa Universitato estis elektita prof. Christer Kiselman (Svedio). La antaŭa multjara sekretario d-ro Hans Michael Maitzen (Aŭstrio) plu membras en la komisiono. Nova membro fariĝis prof. Humphrey Tonkin.

Regionaj komisionoj fariĝis tre gravaj en la laboro de UEA. La plej malnova el ili estas KAEM, t.e. Komisiono pri la Azia Esperanto-Movado. Kiel ĝia prezidanto estis reelektita Hori Yasuo (Japanio). La vicprezidanto estas Tran Quan Ngoc (Vjetnamio) kaj la aliaj komisionanoj – Wang Ruixiang (Ĉinio), Lee Jung-kee (Korea Respubliko), Tariq Umar Chaudry (Pakistano) kaj Abdul Salam (Barato).

La funkciadon de la Komisiono pri la Amerika Agado kunordigas Atilio Orellana Rojas (Nederlando), ĝi krome konsistas el Normand Fleury (Kanado), Rafael Despradel (Dominika Respubliko), Luis Raudón (Meksiko), Juan Ramón Rodríguez (Kubo), Mauricio Signonirini (Brazilo) kaj José Vergara (Ĉilio).

La komisionon pri agado en Afriko kunordigas Gbeglo Koffi (Togolando) kaj ĝi havas membrojn el 11 landoj. La komisionanoj estas Jérémie Saviyumba (Burundio), Francois Hounsounou (Benino), Jean-Bosco Malanda (Demokratia Respubliko Kongo), Fidele Kounda-Voumi (Respubliko Kongo), Jean-Marie Mboge M'Bele (Kamerunio), Justine Ralalarisoa (Madagaskaro), Princo Henriko Oguinye (Niĝerio), Axel von Blottnitz (Sud-Afriko), Costa Mashauri (Tanzanio), Basile Agbolo (Togolando) kaj Oliver Mazodze (Zimbabvo).

La komisionon pri agado en arablingvaj landoj kunordigas Marie-Helene Desert (Francio). Membras en ĝi Wael Al-Mahdi (Jordanio), Guy Penet (Egiptio), Bachir Benmaghnia (Alĝerio), Mohamed Gharbi (Maroko) kaj Atilio Orellana Rojas (Nederlando).

Ĉar la Esperanta movado ankoraŭ estas nur ekĝermanta en arablingvaj landoj, la koncerna komisiono havas membrojn ankaŭ el aliaj landoj. En Afriko la movado estas jam sufiĉe vasta kaj evoluinta por povi plene konsistigi la komisionon el inter siaj propraj aktivuloj.

## RET-05

Laŭ decido de REU-Estraro Rusiaj Esperanto-Tagoj (RET-05) okazos en la urbo Jelec. Kunorganizas Jeleca E-klubo, planata tempo – aŭgusto 2005.

La kunordiganto de la Komisiono pri Agado en Oceanio estas Bradley McDonald (Nov-Zelando). Krome membras Mateo Maguire, Penny Vos Pym, Jonathan Moylan kaj Jennifer Bishop (ĉiuj el Aŭstralio) kaj Brian Fox (Nov-Zelando).

Al la trimembra Komisiono pri Agado Espero estis elektitaj Hans Bakker (Nederlando) kiel kunordiganto, Agnes Geelen (Belgio) kaj Atilio Orellana Rojas kiel membroj.

La Komisionon pri Esperanto en Radioj kunordigas Scott Redd (Usono). Membras en ĝi ankaŭ Emilio Cid (Brazilo) kaj Andreas Kueck (Germanio).

Wu Guojiang (Ĉinio) daŭrigos sian laboron kiel Komisiito pri Ĝemelaj Urboj kaj Aloísio Sartorato (Brazilo) pri la kampanjo "Esperanto en la Bibliotekojn". Lucas Yassumura (Brazilo) estis reelektita kiel Komisiito pri la Terminologia Esperanto-Centro. Reelektita estis ankaŭ Lilia Fabretto (Italio), kiu jam de multaj jaroj reprezentas UEA ĉe la Organizaĵo de UN pri Nutraĵo kaj Agrikulturo.

Pri aliaj komisionoj kaj komisiitoj la Estraro decidos poste.

***(Gazetaraj komunikoj de UEA, №№ 187, 189)***

## FRAPO SUBZONEN

Antaŭnelonge aperis nova eldona produktaĵo de REU – la broŝuro "Европейское хитросплетение языков" kun mia traduko de la artikolo de Claude Piron el la revuo "Esperanto" (2003, n-roj 5 kaj 7-8).

Malferminte la 16-paĝan broŝuron, mi kun ĉagrenego konstatis, ke la frukto de mia intelekta laboro estas fuŝita. Konkrete: anstataŭ la uzita de mi minuskla *эсперанто* ĉie aperis la majuskla *Эсперанто*. Tiu ŝanĝo en mia teksto estis farita sen mia scio, mi estis starigita fronte al la okazinta fakto. Iuj eble ŝultrolevos: majusklo, minusklo – ĉu gravas? Tamen ja gravas, kaj mi provu klarigi, kial.

Se lingvo en sia grafika versio distingas majusklojn kaj minusklojn, tio ne estas senbezona balasto. Majuskligo aŭ minuskligo atribuas al la vorto kroman sencnuancon. Ĝenerale, kion skribi minuskle, kion majuskle – tio estas demando de ortografio de konkreta lingvo, ĉi-kaze la rusa. La rusa nomo de nia lingvo estas vorto, apartenanta al la rusa lingvo, kaj pri ĝia ortografio kompreneble validas la ortografiaj normoj de la rusa lingvo. La plej alta instanco pri tiaj normoj estas Instituto pri la Rusa Lingvo de Rusia Akademio de Sciencoj, pli kompetenta institucio tutsimple ne ekzistas. Tiu Instituto eldonas normajn verkojn, kiuj reglamentas korektan uzadon de la rusa lingvo. Unu el tiaj normaj verkoj estas la eldonita en 1999 «Русский орфографический словарь» (160 mil vortoj, 1280 paĝoj). El tiu vortaro (p. 1222), samkiel el pluraj aliaj, oni povas senambigue certiĝi, ke la norma ortografio preskribas minusklon: *эсперанто*. Tio estas, mi ripetu, **normo**, deviga por ĉiuj lingvouzantoj.

Sekve: tiuj, kiuj uzas la majusklan *Эсперанто*, eĉ se kun la plej bonaj intencoj, bedaŭrinde malobservas la ortografion de la rusa lingvo. La peko pezas duoble, se ĝi aperas en oficiala eldono, kie ĉio devas esti laŭregula. Kaj estas jam plena absurdo kaj arbitrego, se la majuskla formo aperas en eldono de organizaĵo, kies propra Statuto, difinante la agad-objekton de la organizaĵo, uzas nur la norman minusklan formon.

La menciitan majuskligon en mia traduko, elfalinta pro tio el la spaco de ortografie korektaj tekstoj, faris neniu alia ol nia estimata Nikolao Gudskov. Li difektis mian tekston, eĉ ne petinte mian permeson pri la ŝanĝo. Kial li ne petis mian permeson, kvankam temis pri mia teksto? Ĉar li certe sciis, ke mia respondo povus esti nur negativa. Ja mi kun li estis diskutintaj pri la demando, kaj mia vidpunkto estas al li bonege konata.

En tiu nia polemiko li prezentis kelkajn rezonojn favore al la majuskla formo. Li rememoris iujn librojn, kies aŭtoroj (ekz. Svadost, Vartanjan) uzis majusklon. Sed tiu fakto signifas nur, ke tiuj aŭtoroj (aŭ iliaj redaktoroj) bedaŭrinde havis problemojn pri ortografiaj normoj. Nikolao asertis ankaŭ, ke oni devas skribi *Эсперанто* ĉar ĝi laŭ li estas propra nomo. Tio estas miskompreno: en la rusa nomenklaturo nomoj de lingvoj ne apartenas al propraj nomoj kaj tial ne estas skribataj majuskle. Efektive: ĉu iu el vi vidis, ke oni skribus majuskle la vortojn *санскрит*, *иврит* aŭ *суахили*? La fakto, ke la nomo de nia lingvo ja devenas el la propra (la pseŭdonimo de Zamenhof), nenion ŝanĝas: majuskle estas skribataj nur

la propraj nomoj mem, sed la komunaj nomoj, devenantaj el ili, skribendas minuskle: *рентген*, *галифе*, *шрапнель*. Same – *эсперанто*. Estis ankoraŭ iuj konsideroj liaflanke, jam malproksimaj de lingvistiko – interesaj, sed ne pli. Ĉiuj liaj argumentoj, ĉu aparte, ĉu kune, povas nek nuligi nek superatuti la du bazajn faktojn: 1) laŭ la ortografia normo de la rusa lingvo la vorto *эсперанто* skribendas minuskle; 2) (kio gravas por eldonoj de REU) la minuskla formo estas fiksita en la Statuto de REU.

(Estas amuza paradokso, ke en Esperanto mem la situacio estas precize kontraŭa: la formo *Esperanto* estas korekta, fiksita en la Fundamento, dum *esperanto* laŭfundamente signifas "iu, kiu esperas"; uzado de la minuskla formo por la lingvonomo, kiel ŝatas ekz. la gvidantoj de la E-Civito, estas fakte atenco kontraŭ la Fundamento. La diferenco de la normoj klarigeblas per tio, ke Esperanto ĝenerale pli majusklemas ol la rusa; komparu: *Rusia Esperantista Unio – Российский союз эсперантистов*.)

La iama polemiko finiĝis per nenio, ni ambaŭ restis kun niaj opinioj. Do nun, uzante "la plej fortan argumenton" – sian "administran resurson", t.e. senkontrolan aliron al mia teksto, N.Gudskov malantaŭ mia dorso faris tiun ŝanĝon en ĝi, do fakte redaktis la tekston. Sed mencio pri tio mankas en la kolofono. Kaj ĉar tie estas nenies nomo, krom la mia, formale la sola respondeculo pri la misa ortografio iĝis… mi. Rezulte la broŝuro, krom la baza enhavo, kunportas tute falsan bildon pri la tradukinto. Ĝi kreas la misimpreson, kvazaŭ mi estus adepto de la majuskla formo, kvankam en la realo mi ĝin kondamnas. Due, ja ne temas pri formoj rivalaj sed egale legitimaj: kiel mi montris, la minuskla formo estas laŭnorma, dum la majuskla – kontraŭnorma. Montrante min subtenanto de la majuskla formo, la broŝuro aspektigas min antaŭ legantoj, ke mi estas ĉu subklerulo, ne scianta la ortografian normon, ĉu ia mallojalulo, kiu la normon scias, sed "principe" malobeas, ĉu fanatikulo, kiu tiom adoras la ŝatatan lingvon, ke akceptas por ĝi en la rusa nur la majusklan formon. Sed neniu el tiuj tri ŝajnkarakterizoj estas mia. Mi estis kaj restas konsekvenca uzanto de la minuskla formo.

Do mi deklaras, ke mi ne respondecas pri la ortografio en la broŝuro "Европейское хитросплетение языков" kaj distanciĝas de ĝi. Ĉe la adreso <http://miresperanto.narod.ru/artikoloj/piron_evrop.htm> oni povas vidi la aŭtentan, nekripligitan tekston de mia traduko.

Kaj pri la ago de kolego Gudskov: sciante, ke alia homo malakceptas certan vidpunkton, tamen trude atribui ĝin al li – mi diru nur tion, ke ĝi estas ekster ĉia civilizita etiko.

***Viktor Aroloviĉ (Moskvo)***

## A-NIVELA EKZAMENOJ DE ĈALK

Dum Lingva Festivalo en Ĉeboksari, la 24-an de oktobro 2004 okazis A-nivela ekzameno de ĈALK, kiun partoprenis 6 lokaj komencantinoj. La ekzamenojn akceptis Nikolao Gudskov (Moskvo) kaj Miĥail Kolodin (Peterburgo). La rezultoj estis sekvaj: Jelena Nadikova – perfekte; Aleksandra Lebedeva, Antonina Muljukova, Natalja Saljaeva – bone; Irina Andrejeva, Anna Rogaĉova – kontentige.

## INTERNACIA KONGRESA UNIVERSITATO 2005

Dum la 90-a UK en Vilno okazos la 58-a sesio de la Internacia Kongresa Universitato, kie rajtas lekcii universitataj profesoroj kaj personoj kun simila kvalifiko. UEA invitas tiajn personojn rete aŭ papere prezenti siajn proponojn pri prelegoj al la sekretario de la IKU-komisiono, prof. d-ro Christer Kiselman, Poŝtkesto 480, SE-751 06 Uppsala, Svedio; <kiselman@math.uu.se>, plej laste 15.01.2005. Okazos ankaŭ studsesio de la Akademio Internacia de la Sciencoj (AIS) kunlabore kun UEA. Membroj de AIS povas samtempe proponi kursojn, kies unua lekcio povus esti parto de la IKU. La propono enhavu (1) mallongan resumon de la prelego en Esperanto, (2) mallongan resumon en la angla, franca, germana aŭ rusa (laŭ propra elekto) kaj, se eble, en la litova, (3) koncizan biografieton kun persona bibliografio kaj foto taŭga por publikigo. La prelegoj prefere, sed ne nepre, rilatu al la kongresa temo, kiu estas “Universalaj Kongresoj: 100 jaroj de interkultura komunikado”. Ĉiu preleganto devas esti kongresano kaj mem zorgi pri sia aliĝo. Aparte bonvenaj estas junaj kandidatoj kaj tiuj, kiuj ankoraŭ ne prelegis en iu IKU. Prelego estos rekompencita per modesta honorario.

***(Gazetaraj komunikoj de UEA, № 187)***

## REU-KOTIZOJ POR LA JARO 2005

***Laŭ decido de REU-Estraro, la kotizoj por 2005 restas samaj, kiel en 2004.***

50 rubloj (por eksterrusianoj – 5 eŭroj) – ***individua kotizo*** (la membrokarto, Jarlibro de REU, REU-bulteno kaj aliaj informoj de REU, voĉdonrajto en REU-Konferenco, rabatoj ĉe uzo de REU-servoj kaj en E-aranĝoj);

1250 rub. (por eksterrusianoj – 125 eŭroj) – ***dumviva kotizo*** (ĉio la sama dum la tuta vivo);

25 rub. – ***familia kotizo*** (la membrokarto, voĉdonrajto en REU-Konferenco, rabatoj ĉe uzo de REU-servoj kaj en E-aranĝoj);

100 rub. + 25 rub. por ĉiu aligita membro (ne malpli ol 5; krom individuaj membroj de REU) – ***kolektiva kotizo*** (po 1 ekzemplero de REGo kaj Jarlibro de REU por ĉiu komenciĝinta deko de la aligitaj membroj, aliaj informoj de REU por la kolektivo; la membrokartoj, voĉdonrajtoj en REU-Konferenco, rabatoj ĉe uzo de REU-servoj kaj en E-aranĝoj por la aligitaj membroj).

*La rabatita abono de REGo por ajna individua membro de REU (inkluzive la dumvivajn kaj familiajn, sed ne por la aligitaj) en 2005 kostos 100 rublojn (por la eksterrusianoj – 12 eŭrojn). La dumvivaj membroj, kiuj pagis sian kotizon en 2001-2003 (kaj tial ilia kotizo enhavis la koston de REGo), plu ricevados REGon sen aldona pago. Aliaj dumvivaj membroj (kies kotizo ne inkludis la koston de REGo) por ricevi la gazeton devos pagi ĉiujare la rabatitan abonkoston.*

***La rublaj kotizoj sendendas al: Чертилову Михаилу Константиновичу, а/я 21, Одинцово-6, 143006 Московская обл.; la eŭraj kotizoj pagendas al la konto reua-p ĉe UEA.***

# REJM-info

*Saluton, karaj REJManoj! Vin salutas la nova komitata teamo, kaj nome de ĝi – Konstantin Ĥlizov.*

## Nova komitato

*Estas elektita kaj jam ekfunkciis nova REJM-komitato:* ***Oksana Burkina, Konstantin Ĥlizov, Anton Konstantinov, Anatolij Krasnokutskij, Irina Semjonova, Valentina Sidorova.*** *Sube vi trovos sinprezentojn de la komitatanoj, ankaŭ de la komisiito* ***Alla Kudrjaŝova*** *kaj TEJO-komitatano de REJM* ***Oleg Izjumenko.***

### *Oksana Burkina*



Mi estas Oksana Burkina, 25-jara, nun loĝas en Peterburgo (antaŭe loĝis en Barnaulo, pli antaŭe – en Alma-Ata). En la komitato de REJM mi okupiĝas pri aktivul-trejnaj seminarioj (ATS), kvankam dum la unua duono de la jaro mi persone ne povos dediĉi al tio multe da tempo.

En la ordinara vivo mi okupiĝas pri tri grandaj aferoj, unu el ili estas postdiploma studado ĉe Sankt-Peterburga Ŝtata Universitato, filologia fakultato. Mi pensas, ke dum la venonta jaro mi jam defendos mian disertacion (kiu temas, kelkvorte, pri prononco en Esperanto el socilingvistika vidpunkto). Mi ŝatas okupiĝi pri scienco kaj ne volas lasi la ideon pri plibonigo de scienca medio (rilate al esperantologio, interlingvistiko) en nia lando. La dua afero estas mia ĉiutaga laboro, kiu estas ligita kun organizado de konferencoj, kun tradukoj, komunikado kun homoj kaj multaj aliaj aferoj. Tria afero estas mia persona vivo kaj miaj interesoj. Nun mi aktivas en Humanisma movado, kio estas tre longa temo por rakonti. Krome mi okupiĝas pri psikologio, jogumas kaj kuradas dum bona vetero, interesiĝas pri multaj aferoj: filozofio, medicino, harmoniigaj praktikoj, arto, muziko, kuirado (mi vegetaranas) kaj kaj kaj...

Kion mi faris ligite al Esperanto: ja ĉefe mi okupiĝis pri ĝi sciencnivele, ekzemple, prelegis dum sciencaj konferencoj, partoprenis kunsidojn de Interlingvistika Societo (kie mi membras nun), do kaj ekstermovade kaj inter esperantistoj-sciencistoj. Sed se ne paroli pri kromaj okupiĝoj, mi iam instruis en OkSEJT, partoprenis la lastan IJK-on kiel grupgvidanto, ion faris dum Antaŭkongreso en Piter...

En la venonta jaro mi pretas partopreni en diversaj aktivecoj (ekzemple, instruado kaj ATS), sed mem forte aktivi povos verŝajne nur en scienca kaj apudscienca sfero.

Kontakti min eblas tiel: rete <oxygenia@yandex.ru>, la alternativa adreso estu <oxygenia@mail.ru>; poŝte – 190000, Peterburgo, Glavpoĉtamt, p/k 158, Burkinoj Oksane.

## Konstantin Ĥlizov



Mi estas Konstantin Ĥlizov, 25-jara, la lastajn du jarojn mi loĝis en Krasnojarsk, sed post la Novjaro mi revenos al Irkutsk. Nuntempe mi estas aspiranto en Krasnojarska Ŝtata Teknika Universitato. En REJM-komitato mi reprezentas Krasnojarskan E-klubon, respondecas pri interna informado (retpaĝaro, informoj por datumbazo, informiloj, "REJM-info"), kaj helpemas pri instruado, kluba agado, ATS kaj ekstera informado.

Mi instruis en E-kursoj en Krasnojarsk, ĉi-jara OkSEJT kaj en Ĉeboksari. Krome, mi estis unu el la du prov-staĝantoj en JEAĈR kaj E-movadis en Ĉeboksari dum duon-oktobro kaj novembro. Pri la staĝado eblas legi en aparta artikolo de ĉi tiu "REJM-info". Mi estas unu el ruslingvaj tradukantoj kaj E-provlegantoj de Lingva Prismo <www.lingvo.info>. Mi estas membro de TEJO, amatora muzikisto (mi koncertis kun Sergej Bozin kaj sole en EoLA-15 kaj IJK-60), kontribuanto al Vikipedio <http://eo.wikipedia.org>. Dum ĉi jaro mi instruigis ses personojn (tri en Krasnojarsk kaj tri en Ĉeboksari), el kiuj tri efektive jam instruis aŭ instruas, kaj la ceteraj tri sendube faros tion jam printempe aŭ eĉ pli frue. Strange, sed ĉiuj ses estas knabinoj ☺.

Pri miaj planoj mi sufiĉe detale rakontos en la REJM-plano por la jaro 2005, kie temas pri informado kaj aplikado de Esperanto. Krome, pliprofundigitaj ideoj kaj projekt-priskriboj aperos en REJM-paĝaro antaŭ la Novjaro. Nu, eblas ankaŭ aldoni, ke mi volas partopreni EoLA-n, produkti lumdiskon (KD-n) kun miaj kaj ŝatataj E-kantoj kaj pliemigi junajn esperantistojn al bonstila lingvouzo.

Mi vegetaranas, lernas la ĉuvaŝan lingvon, ŝategas Bajkalon kaj planas loĝi en propra dometo eksterurbe kun mia amatino.

Prefere kontaktu min per la retadreso <informado.rejm@mail.ru>, kaj provizora paperpoŝta adreso estas: 660017, Krasnojarsk, p/k 20825 (la adreso de la E-klubo).

## Anton Konstantinov



Konstantinov Anton Viktoroviĉ (nask. 10.05.1985). Mi loĝas en Ĉeboksari, lernas geodezion kaj geomorfologion en la 3-a kurso de geografia

fakultato. En la komitato mi respondecas pri interkluba agado.

Mi estis prezidanto de la klubo “Edmond Privat” en 2004, komitatano de JEAĈR (2004-05), somere mi prezentis JEAĈR inter neregistaraj organizoj en Pollando. Dum la jaro 2005 mi emas fari aranĝon ERA-2 (en Ĉebo), plenumi mian planon pri interkluba agado, viziti IJK-on.

Miaj hobioj estas kurtonda radio, balaj dancoj, petveturo.

Retpoŝto <esperanto1@yandex.ru>; poŝta adreso – 428035, Ĉeboksari, str. 139-oj Strelkovoj divizii 16 – 276.

## Anatolij Krasnokutskij



Mi estas Anatolij Krasnokutskij, 26-jara. Loĝas en Volgograd. Mi havas diplomon kiel fizikisto kaj laboras en ŝtata organizo kiel komputilisto. En REJM-komitato mi respondecas pri membreco kaj helpas pri la datumbazo plus iom da teknika helpo en retaferoj.

Mi estas membro de VEJC “Stelaro”, helpis organizi ĉiujn lingvajn festivalojn en Volgograd. Mi estas ankaŭ membro de BEMI, PS-gastiganto. Mi planas organizi vican LF-n, kompili datumbazon de REJM-anoj, partopreni IJK-on aŭ iun BEMI-karavanon.

Mi ŝatas bicikli, petveturi kaj veturi ĝenerale. Revas pri helikoptero kaj pri promenado laŭ surfaco de Luno.

Miaj retpoŝtadresoj: <tolikkk@interdacom.ru> aŭ <stelaro@mail.ru>. Paperpoŝtadreso: 400040, Volgograd, pr. Metallurgov 76 – 137.

## Irina Semjonova

Mi nomiĝas Irina Vladimirovna Semjonova. Mi havas 20 jarojn. Mi estas studentino de la Pedagogia Universitato en Ĉeboksari (fakultato de antaŭlerneja psikologio kaj pedagogio). En REJM-komitato mi respondecas pri instruado kaj organizado de OkSEJT, ankaŭ okupiĝas pri ATS kaj aliaj aferoj laŭ miaj povoj.



Mi estas vic-prezidanto de Junulara Esperanto-Asocio de Ĉuvaŝa Respubliko (JEAĈR).

Mi volas pli profunde labori en E-movado, mi volas ke pli da interesaj homoj aperu en E-movado. Laŭ mi gravas, ke oni povas per Esperanto komunikiĝi kun diversaj homoj, ke ili povas evoluigi sin.

Mia hobio estas legi diversajn librojn, ludi pianon, komunikiĝi kun homoj.

Mia retadreso estas <irina_sem@rambler.ru>, kaj la poŝta: 428000, Ĉeboksari, pr. Traktorostroitelej 39 – 198.

## *Valentina Sidorova*



Valentina Sidorova, loĝas en Moskvo, laboras en firmao, okupiĝas pri logistiko. Mi respondecas pri financoj de REJM kaj estas la kunordiganto de la komitato.

Mi estas komitatano de TEJO, aktiviĝemas en KER (komisiono pri eksteraj rilatoj de TEJO), interesiĝas pri projektmastrumado, seminarioj kaj financoj. Partoprenis en la organizado de du StRIGoj, MAK (Moskva Antaŭkongreso) kaj IJK ĉi-jare. Mi emas diversmaniere reaktivigi gejunulojn en Rusio por ion fari por/per Esperanto. Seminariojn mi volas, REJM-partoprenon en grandaj forumoj, foiroj, diversflanke prezenti la organizon al ekstera mondo.

Mi tre ŝatas homojn, mi multe komunikiĝas kun ĉiuj. Al mi plaĉas vojaĝi kaj babili Esperante.

Mia retpoŝtadreso estas <grimpi@bk.ru>.

## *Alla Kudrjaŝova*



Alla Kudrjaŝova, E-kromnomo estas Benita, 24-jara moskvanino, specialisto pri negoc-evoluigo de konsult-firmao. En REJM-komitato mi komisiite okupiĝas pri eksteraj rilatoj de REJM (kun ne E-aj organizoj, kun ŝtataj institucioj, amaskomunikiloj k.s.).

Mi okupiĝis (kunlabore kun Valja Sidorova) pri nokta programo kaj kafeĵo en la lasta IJK, dum Moskva Antaŭkongreso respondecis (kunlabore kun Vika Morozova) pri la programo. Ebligis al eksterlandanoj vizakiradon por partopreni rusiajn E-aranĝojn. Kontaktis ne E-ajn organizojn, prezentis TEJO-n kaj REJM-on ĉe neesperantistaj aranĝoj, venigis amikojn/konatojn al E-kursoj en Moskvo. Verkis amaskomunikilajn anoncojn kaj tekstojn por E-aj ttt-ejoj, ekz. por <www.moskvo.ru>. En la jaro 2005 mi ŝatus revivigi REJM-on kaj malfermi ĝin por kunlaboro kun neesperantistoj. Sed pro trea okupiteco mi prefere kunordigu la agadon de volontuloj, do mi alvokas vin helpi pri tio.

Mallonge pri mi: estonta poliglotо kun frapfrazo “La vita e bella” (La vivo bonegas – itale)

Kontaktu min rete <er.rejm@mail.ru> aŭ poŝte: 127549, Moskvo, Altufjevskoje ŝosse 56 – 153.

## *Oleg Izjumenko*

Mi nun loĝas en Moskvo, Rusio, mi profesie laboras en interret-agentejo kiel ĉefo de projektoj (interretaj, multimediaj, poŝtelefonaj ktp), kaj ekster mia profesia vivo min okupas soci-bonfara kaj subfosa agadoj. Mi reprezentas REJM-on en la



komitato de TEJO, kies membro mi estas.

Mi estas komitatano de TEJO, aktivulo de E@I, membro de UEA kaj SAT, civitano de la Esperanta Civito. Mi instruis Esperanton en la Reto de 1999, kaj daŭrigis tion per "lernu!" ekde ĝia naskiĝo pli ol du jarojn. Dum kelkaj monatoj mi estis prezidanto de la moskva junulara Esperanto-klubo "MASI", aktivis kaj aktivas en rusia landa junulara Esperanto-movado. Mi publikigis multajn artikolojn en diversaj Esperanto-revuoj, mia origina proza rakonto gajnis la unuan lokon en internacia literatura konkurso. Sed mian plej grandan kontribuon mi faras per mia laboro en E@I kaj engaĝiĝo en TEJO-aferoj. Dum la jaro 2005 mi planas plivastigi kaj sukcesigi mian novan Esperanto-entreprenon, kiu estas parte komerca kaj parte bonfara projekto.

Mi estas 25-jara juna viro, tute aminda, bonkora, serioza, bone organizita, freneza miksaĵo de budaisto, anarkiisto, pacifisto, feministo, primitivisto, naturmediprotektanto, ŝatanto de scienc-fikcio, kino, animacifilmoj, sportumado, aliaj kulturoj kaj lingvoj. Ial mi vivas alternative: mi ŝatas ĉion simplan, malŝatas materiajn havaĵojn kaj strebas ne havi multajn. Mi ne aprezas monon, kvankam strebas perlabori multe da ĝi por sekurigi mian financan staton kaj plifaciligi mian pluan evoluon, mi malŝategas aŭtojn (kaj luktas kontraŭ ili) kaj poŝtelefonojn. Mi ŝategas komputilojn, precipe Makintoŝojn. Mi estas magistro pri informadiko kaj ekonomiko. Mi estas vegano, t.e. mi manĝas nenion kio originas el la besta regno. Mi jogumas. Mi AMAS Diana Sakajeva kaj tre feliĉas esti kun ŝi.

Retpoŝto <Oleg326756@yandex.ru>.

# Planoj por la venonta jaro (ĝenerala kaj fakaj)

*Saluton, karaj REJM-anoj! Vi estas iom pli multnombraj en la finiĝanta jaro, kaj ni (ĉu naive?) esperas, ke ne nur pro favoraj IJK-kondiĉoj. La nova komitato jam salutis vin, la komitatanoj iom rakontis pri si, do nun vere tempas informiĝi pri aferoj fareblaj, farindaj kaj foje farendaj en la jaro 2005. En la jaro 2004 REJM sukcese faris du gravajn aranĝojn, nome OkSEJT kaj IJK. Ĉar tio prenis multege da fortoj, la ceteraj eventualaj agadoj de la organizo fakte dormis, kaj nun venis tempo por eldormigi kaj revigligi ilin. Kiel? Jen, vidu, legu, kontribuu! Kiel vi komprenis, laboro de REJM estas dividita je pluraj direktoj (agadkampoj), kiuj interplektiĝas kaj kunagas, finfine donante al ni fortan movadon kaj favoran opinion de neesperantistoj pri niaj agado kaj lingvo. Tuj vi skize ekscios, kion ni, la komitato, preparas por nia komuna agado.*

## Informado

Informado en REJM havas du direktojn: internan kaj eksteran. Interna informado celas interligi klubojn kaj individuajn membrojn en reton, pere de kiu ĉiu in-

teresiĝinto povas scii pri multaj aferoj rilataj al Esperanto: aranĝoj por renkontiĝi, studumoj por lerni ion utilan, projektoj por utiligi la lingvon Esperanto, utilaj kontaktebloj por homoj kun samaj interesoj ktp. Se vi pensas, ke la informa fako de REJM povas fari ankoraŭ ion utilan, ne hezitu skribi al ni: <informado.rejm@mail.ru>.

Se paroli pli konkrete: ni volas, ekzemple, havi *datumbazon pri REJM-membroj*, el kiu ni povos scii pri hobioj, povoj, kapabloj kaj emoj de la membroj. Vi ja komprenas, ke tio povas poste tre helpi al vi trovi iun samideanon por iu bona projekto. Tial ni alvokas vin skribi al ni pri vi. Ni sciu, kiu kaj kio estas REJM-ano. La informoj aperos en *REJM-paĝaro* (kiun, sincerparole, necesas iom plifreŝigi – enhave kaj aspekte). Se estos sufiĉe multe da REJM-anoj sendintaj al ni memrakontojn, ni faros eĉ konkurson pri plej interesa kaj malordinara sinprezento, kaj la venkintaj sinprezentoj estos publikigitaj en "REJM-info". Vi ŝancos ion gajni! Skribu al la informa fako!

Krome, ni planas ankaŭ aperigi *ruslingvan gazeton pri Esperanto kaj E-movado*, konsiderante tion parto de ekstera informado. Tiun gazeton ni proponas poste promocii en viaj regionoj. Ĝi povas esti simila al "junpionira" murgazeto, kiun vi pendigos en via universitato aŭ laborejo, disdonados dum gravaj sociaj kaj organizaj aranĝoj, rekomendos al tiuj, kiuj interesiĝas pri Esperanto. Nepre necesas provizi tian gazeton al bibliotekoj, regionaj kaj universitataj. Vidu ankaŭ en *Eksteraj rilatoj*.

## Kluba agado

Ĝi nomiĝas ankaŭ interkluba agado, ĉar ĝuste tion faras REJM: ĝi kunligas klubojn kaj helpas al ili fari iujn komunajn aranĝojn, projektojn, renkontiĝojn, spert-interŝanĝojn kaj aliajn utilaĵojn. Ni planas organizi *seminariojn* por tiuj, kiuj deziras pliviglígi kluban vivon, kompreni por kiuj celoj la klubo ekzistu kaj laboru, fari sian klubon estimata organizo en la regiono.

Ekzemple, ni planas relanĉi interkluban konkurson (tiel nomatan rangan sistemon) kaj subteni la plej bonajn kaj aktivajn klubojn. Kiel ni tion faru kaj taksu? Eble, ankaŭ vi volas ion konsili, iel kontribui al organizado de la konkurso. Povas okazi, ke vi havos aliajn nekontraŭstareblajn proponojn. Krome, nepre sendu informojn pri viaj surlokaj agadoj, por ke ni ĉiuj vidu la tutan movadan bildon en la lando. Via klubo povas esti subtenanto kaj prizorganto de eksterretaj aŭ komencantaj esperantistoj en via kaj apudaj regionoj. Ni konsideros ankaŭ tion dum la konkurso. Do, mallonge parolante – elpensu, inventu, ekzistigu bonaĵojn per kaj por Esperanto!

Viajn demandojn, proponojn kaj informojn pri (inter)kluba agado bonvolu sendi al <klubagado.rejm@mail.ru> aŭ al la paperpoŝta adreso de Anton Konstantinov.

## Instruado kaj ATS-oj

Tre grava afero nun estas plialtniveligi instruadon, aktivigi kursfinintojn kaj oferti aktiveblojn por agema junularo. Por tio ni vidas kaj planas disponigadi jenajn

interesajn aferojn:

*finfine ellabori bonan sistemon por E-kursoj de diversaj niveloj kaj por respektivaj ekzamenoj*, laŭ kiu oni vere povos kompreni, ĉu iu bone scias la lingvon, kaj se la persono havas iujn neklarajn sciojn, la sistemo helpu atentigi la lernanton pri ili kaj eĉ konsilu, kiel akiri necesajn sciojn;

en REJM-paĝaro ni publikigu *informojn pri kursoj* nuntempe pasantaj kaj baldaŭ okazigotaj, same kiel pri la jam kursfinintaj grupoj; tiel homoj en apudaj urboj kaj regionoj povos kontakti vian grupon, kaj ni povos scii kiom vasta estas instruagado en la lando;

*fari gastkursojn* en urboj kaj regionoj, en kiuj oni ne tre aktivas, kaj poste subtenadi la ekkreskantan movadon kaj aktivadon tie (viaj invitoj tre bonvenas, sed estu pretaj serioze helpi pri tio);

nepre ni faros *serion da progresigaj kursoj*, ĉar ofte oni pensas, ke sufiĉas ellerni la 16 regulojn kaj jam babiladi (foje vere sufiĉas, sed multaj samideanoj ial dum E-renkontiĝoj kaj organizaj kunvenoj reglitas al krokodilado, tiel perdante ŝancegojn plispertiĝi pri la lingvo), do viaj invitoj same bonvenas (jam nun estas anticipaj decidoj fari gastkursojn en Joŝkar-Ola februare kaj en Kazanj marte).

Viaj proponoj, komentoj kaj aliaj bondeziroj estu senditaj al <instruado.rejm@mail.ru> aŭ al la poŝtadreso de Irina Semjonova.

Se vi jam bone posedas la lingvon aŭ, kvankam sciante nur “Saluton!” kaj “Ĝis!”, volas jam aktivi en E-movado, ni bonvenigas vin al niaj *aktivul-trejnaj seminarioj* (ATS), kiujn ni okazigos dum la jaro en diversaj urboj. Temoj de la seminarioj povas esti: instruado de Esperanto, kluba agado, organizado de aranĝoj, rimedoj por informi homojn pri Esperanto kaj aliaj. Se vi vidas ion grava kaj interesa, ne hezitu proponi al <ATS.rejm@mail.ru>. Tamen, preferindas unue plibonigi vian Esperanton kaj poste facile komunikiĝi kun samprojektanoj kaj kompreni, pri kio temas en la seminario, kiun vi partoprenas ☺. Plej talentaj povas samtempigi la du procedojn, ĉu ne? Provu do!

Laŭ la seminariaj temoj ni planas ankaŭ verki *manlibrojn* por tiuj, kiuj ial ne povos partopreni tre utilajn por ili seminariojn. Kontribuu ankaŭ pri tio!

## Eksteraj rilatoj

Eksteraj rilatoj celas pli aktivan engaĝiĝon de esperantistoj (precipe junaj) en socian, politikan, kulturan kaj ceterajn agadojn. Pli detale vi povos legi pri tio en la februara “REJM-info”. Se vi havas iajn proponojn, bonvolu sendi ilin laŭ la adreso <er.rejm@mail.ru>. Unu el aferoj farindaj estas verki manlibron por tiuj, kiuj reprezentas E-on kaj REJM-on al ekstera publiko. En la manlibro ni volas rekomendi, kiel ekz. oni traduku la nomon de REJM en la rusan lingvon, kion oni rakontu pri la celoj, strategioj kaj rimedoj de E-movado. Ni atendas proponojn kaj konsilojn de jam sufiĉe spertaj movadanoj pri tio.

Aliaj gravaj direktoj povas esti: 1) kontakti neesperantistajn junularajn organizojn, starigi labor-rilatojn kun ili; 2) ellabori tiel nomatan “korporacian stilon” (kiun konsistigas emblemoj, koloroj de informiloj, sloganoj rus- kaj E-lingvaj), por ke ni poste vaste kaj senfuŝe promociu “REJM-vizaĝon” kaj subtenu ĝin; 3) ok-

upiĝi pri subvencipetado por partoprenigi REJM-anojn en diversaj utilaj neesperantaj aranĝoj; k.m.a.

Krome, ni alvokas vin plani kaj realigi interesajn agadojn pere de Esperanto aŭ iel ligitajn kun ĝi, sed celantajn la eksteran publikon. Tiel ni povas allogi homojn al la fenomenoj de la lingvo Esperanto kaj de E-movado. Bonega ekzemplo de tia agado estas Lingva Festivalo, jam dum naŭ aŭtunoj okazigata en Ĉeboksari. Multaj homoj en la urbo konsideras Esperanton serioza afero ĝuste pro tio, ke oni faras seriozajn aferojn pere de ĝi.

## Aranĝoj

En la jaro 2005 la plej gravaj aranĝoj por REJM estos OkSEJT kaj EoLA. OkSEJT okazos en la urbo Ĉeboksari en julio kaj estos instrua tendaro por dezirantoj eklerni aŭ plibonigi sian lingvon. Pli detalaj informoj pri OkSEJT estos publikigitaj en la februara REGo. Informoj pri ĝi aperos ankaŭ ĉe <http://www.jeaĉr.by.ru>.

EoLA estas ĉiujara aranĝo por malkovri novajn talentulojn (kaj talentojn en ordinaraj homoj). Ĝi okazos en Jekaterinburg ekde la 2-a ĝis la 5-a de majo. Pli pri tio vi povas ekscii ĉe <http://www.rek-eola-2005.narod.ru>.

Se vi volas informi aŭ informiĝi pri rusiaj E-aranĝoj por junularo, bonvolu skribi al la adreso <aranĝoj.rejm@mail.ru>.

## Aplikado de Esperanto

Tio estas vere tre grava: unue, ĉar tio montras povon de la lingvo solvi iujn problemojn, due, ĉar ni povas evoluigi la lingvon kaj movadon per interesaj kaj seriozaj projektoj, trie, ĉar la partoprenantoj de tiaj projektoj havas ŝancojn akiri utilajn spertojn, plibonigi sian lingvonivelon, ĝui la teaman etoson kaj gustumi la finfaritecon de grava afero. Se io el tiu ĉi listeto plaĉas al vi, pensu ekzemple pri tiaj aferoj (kaj poste eventuale proponu viajn direktojn):

diversaj artaj projektoj (teatroj, muzikbandoj, muzik-registrado, literaturaj konferencoj k.a.);

turismaj projektoj, unu el kiuj estas krei reton de turistaj lokoj por vojaĝantaj esperantistoj; eblas kompili retan informilon pri trafikaj itineroj, hortabeloj, atingebloj kaj vidindaĵoj; laboramplekso en ĉi kampo povas facile senspirigi onin, tamen la vojo je mil mejloj komenciĝas per unu paŝo;

oni jam komencis tradukadi diversajn literaturaĵojn el la rusa lingvo, vi povas legi pri tio en la forumo <http://www.e-novosti.info/forumo/index.php> kaj mem komenci ion traduki; se kvanto de tiaj provoj estos sufiĉe granda, REJM povos eĉ fari konkurson inter tiaj laboraĵoj kaj subteni la plej bonajn;

kulturaj kaj interkulturaj projektoj, unu el kiuj estas Lingva Festivalo; krome, ekzistas internaciaj teamoj lernantaj diversajn kulturojn enkadre de la projekto “Interkulturo” <www.interkulturo.net>;

komputiloj kaj Esperanto: esperantigo de programoj, verkado de utilaj programoj por kaj pri Esperanto, paĝaroj kaj datumbazoj en Esperanto;

apliku E-on en via profesia agado aŭ hobio; eble vi ŝatus partopreni iun sociutilan ekologian projekton kun uzado de Esperanto; pensu, proponu, planu kaj re-

aligu! (almenaŭ kolekti informojn pri ĉio ĉi jam estas bone);

vi povas uzi Esperanton en viaj studaj esploroj, elekti E-on kiel esplorobjekton (kiel faris tion du el la nunaj komitatanoj, ekzemple: Oksana verkas disertacion pri fonetiko de Esperanto, kaj Kostik planas esplori avantaĝojn de Esperanto-uzado en inform-sistemoj); ja konsentu, ke estas bone kunigi vian eventuale ne ĉiam tre interesan studadon kaj evidente ĉiam pli interesan Esperanton;

estus bone helpi al homoj, kiuj havas iujn korpomankojn, interkomunikiĝi pere de Esperanto; ekzemple, sufiĉe multaj malbonviduloj scias pri la lingvo kaj uzas ĝin; eble vi ŝatus helpi ilin, ja ankaŭ inter handikapitoj estas gejunuloj.

Do, pripensu ĉion ĉi, digestu iom kaj skribu viaj dezirojn kaj vidpunktojn al <aplikado.rejm@mail.ru>.

---

*Nu, ĉu nun vi vidas, kiel interese estas membri en REJM kaj uzi Esperanton land- kaj mond-skale? Ni esperas, ke jes. Sed vidu kaj konsideru, ke ĉiuj ĉi planoj estas neefektivigeblaj sen via aktiva kaj ema helpado. Aranĝu, invitu, proponu, aktivu kaj aktivigu, informu kaj kunlaboru mem! Tiel nia komuna afero kreskados kaj fruktodonados.*

*Se vi havas demandojn pri membreco, sendu ilin al <membroj.rejm@mail.ru>.*

## Reelektoj en JEAĈR

La 21-an de novembro okazis jarkunveno de JEAĈR (Junulara E-Asocio de Ĉuvaŝa Respubliko) kun reelekto de la komitato de la Asocio. Kiel nova prezidanto estis elektita Aleksandra Fedotova, kiel vicprezidanto – Irina Semjonova; reprezentantoj de la kluboj kaj grupoj: EK "Edmond Privat" – Anton Konstantinov, EK "Evoluo" – Eŭgeno Belkin, EK "Inspiro" – Anna Rogaĉova, E-grupo de Irina Semjonova – Aleksandr Ivanov, E-grupo de Irina Stomenskaja – Natalja Salajeva, E-grupo de Aleksandra Fedotova – Igorj Vasiljev.

***Aleksandr Blinov (Ĉeboksari)***

## Volontulado en JEAĈR

Ĉi-jare JEAĈR provis lanĉi projekton pri volontulado en la organizo kaj invitis du personojn por kelkaj monatoj por helpi la agadon de la Asocio. Unu el la gastoj estas eksterlandano Jan Schroeder, stelulo de la Lingva Festivalo ĉi-jara, kaj la dua estas krasnojarskano Konstantin Ĥlizov (kies volontuladon parte subvenciis REU). Ili ambaŭ venis al Ĉeboksari meze de oktobro, kaj Jan restos tie ĝis januaro, dum Konstantin jam finis sian staĝadon kaj revenis al Krasnojarsk. La plua parto de la artikolo rakontos iom pri lia staĝado, kaj pri Jan vi povos legi en la februara "REJM-info".

La staĝado komenciĝis unu semajnon antaŭ la Lingva Festivalo, kaj jam ekde la unuaj tagoj la gastoj estis plene okupitaj en diversaj prepar-aranĝoj: kulturaj karavanoj, lingvoprezentoj, gazetaraj, radiaj kaj televidaj intervjuoj. Konstantin ankaŭ partoprenis en la antaŭfestivala scienc-praktika konferenco, kie li prelegis pri Vikipedio kaj ĝia rolo en konservado de minoritataj lingvoj kaj kulturoj. Li eĉ estis

invitita partopreni alian konferencon kun simila prelego pri la ĉuvaŝa lingvo. Dum la Lingva Festivalo la volontulo prezentis Esperanton kaj artefaritajn lingvojn (kun speciala atento al Tokipono), kaj tradukis por esperantistoj, ekzemple, la prezenton de la ĉuvaŝa lingvo.

Post la festivalo Konstantin gvidis du unumonatajn E-kursojn: por komencantoj kaj por progresantoj. Krome, li faris malgrandan seminarieton pri instruado, post kiu ĉe la filologia fakultato de Ĉuvaŝa Ŝtata Universitato ekfunkciis E-kurso por komencantoj, kiun gvidas Nataŝa Salajeva. Ankoraŭ du knabinoj planas ekinstrui venontjare. Alia grava flanko de lia laboro estis kontaktoj kun lokaj kluboj, precipe helpado al novaperintaj grupoj, ekz. tiu de Irina Stomenskaja.

Ege gravaj paŝoj estis apudesperantaj aranĝoj kiel serio da lekcioj pri interlingvistiko ĉe la komparlingvistika katedro da la filologia fakultato de ĈŜU kaj seminario pri Vikipedio en Nacia Biblioteko. Ambaŭ instruadoj estis senpagaj, ĉefe pro tio ke ili iĝis la unua sperto pri similaj aferoj. La serio da lekcioj eĉ helpis establi bonajn rilatojn kun la katedrestro, kiu promesis helpi enkonduki Esperanton kiel studobjekton por fako de la katedro. Kaj la seminario pri Vikipedio helpis la lokajn sociajn organizojn kaj lingvistojn konatiĝi kun la projekto kaj ekuzadi ĝin por disvastigi sciojn pri sia agado.

Certe, la staĝado malkovris ankaŭ kaŝitajn danĝerŝtonojn, pri kiuj kaj la volontulo kaj la Asocio lernis kaj esperas estonte eviti kaj venki tiajn malfacilaĵojn. Tial la Asocio decidis pli ofte inviti homojn por staĝado, kaj REJM proponis ioman financan subtenon de la staĝadoj. Se ankaŭ vi volas veni al Ĉebo, fari ion esperantece utilan kaj ĝui la rezultojn, skribu al la asocio <e-centro@yandex.ru> aŭ al la volontulinto <informado.rejm@mail.ru>. Kaj atendu novaĵojn de Jan!

## Kiel iĝi REJM-ano

*Membro de REJM rajtas esti ajna esperantisto en la aĝo de 14 ĝis 30 jaroj. Membriĝo en REJM donas la rajton havi rabatojn dum aranĝoj, partopreni en ATS, la eblojn esti ĉiam informita pri la vivo en Esperantujo en Rusio kaj eksterlande, pli facile trovi kunlaborantojn por siaj projektoj en la datumbazo de REJM-anoj, esti aktiva esperantisto kaj multon alian.*

1. Se vi antaŭe ne estis REJM-ano, unue necesas plenumi REJM-ekzamenon aŭ A-nivelan ekzamenon de ĈALK de REU. Se du REJM-anoj atestos vian bonan lingvoposedon, vi rajtos REJM-aniĝi sen la ekzameno.

2. Necesas pagi la kotizon. Ĝi estas 200 rubloj por la jaro 2005, el kiuj 100 – por REGo kaj 100 – kiel kotizpago. Se en la familio estas pli ol unu membro de REJM, ĉiu dua, tria k.t.p. persono pagas nur 100 rublojn, t.e. – sen REGo-abono.

Pli aĝaj samideanoj povas fariĝi patronoj de REJM (sen la ekzameno), la kotizo estas 300 rubloj.

Vi povas pagi aŭ al sia reprezentanto en REJM-komitato aŭ al iu el nomitaj de ni respondeculoj en aliaj urboj. Eblas sendi la kotizojn poŝte al ***Валентина Сидорова, ул. Нежинская 19 – 2 – 149, 119517 Москва.***

3. Bonvolu skribi al <membroj.rejm@mail.ru> aŭ al la poŝta adreso de Anatolij Krasnokutskij jenajn informojn:

– Viaj nomo, patronomo kaj familinomo.

– Via naskiĝdato, loĝloko, adresoj (paperpoŝta por ricevi REGon kaj, eventuale, ankaŭ la retan por pli urĝaj kontaktoj).

– Kiam vi eklernis Esperanton, kiamaniere, kion vi faras pri Esperanto: korespondas, aranĝumas, legas, verkas, babilas kun najbaroj ktp.

– Viaj ŝatoj, interesoj, kion vi volas fari en REJM, pri kio vi ŝatus okupiĝi. Sed, certe, vi rajtas simple subteni la junularan movadon finance. Bonvenegas ankaŭ informoj pri viaj kapabloj kaj emoj, ĉar tiukaze ni povas inviti vin al seminarioj, partoprenado de projektoj, volontuladoj, organizado kaj kontribuado al E-aranĝoj. Ni bezonas ankaŭ lokajn organizemulojn por fari reton de efikaj kluboj en la lando.

– Viaj bondeziroj al REJM.

---

## REEĤO PRI RET-04

Mi dankas estimatan samideanon Viktoron Aroloviĉ pro lia artikolo "Gudrogutoj…" (REGo № 5(24), p.5), ĉar kritiko donas povon plibonigi organizan laboron en estonteco.

Tamen miaj duonŝercaj notoj (REGo № 5(24), p.2), verŝajne, ofendis Viktoron, ĉar al tiu malgrava (laŭ mia opinio) evento en esperantista kunveno, matena gimnastiko, li dediĉis tiom grandan parton de la artikolo, kvazaŭ krom la gimnastiko forestis dum RET-04 aliaj aranĝoj. Mi tute ne deziris ofendi iun ajn. Pardonu min, Viktoro. Mi ĉiam admiras vian saĝon, pensmanieron, vian laborkapablon kaj ĉiam memoras pri viaj meritoj en E-agado. Tamen mi ne estas tiom fanatika esperantisto, kia, eble, vi estas. Por mi Esperanto estas simple ludo, hobio. Ne havante rimedojn (same kiel multaj provincaj esperantistoj) por la vojaĝoj kaj partopreno en diversaj E-aranĝoj, mi kiel feliĉon konsideras eblecon atingi iun proksiman E-kunvenon. (Same faris peterburgaj komencantinoj. Ĉu ne ilia gvidanto devis zorgi pri konveneco de scioj de siaj protektatoj al lingvonivelo de la renkontiĝo?) Por mi estas tutegale, ĉu bone parolas Esperante miaj gastoj aŭ malbone. Mi devas akcepti, nutri, oportune loki ĉiujn, mi tion faris.

Certe, vi pravas, parolante pri lingva disciplino. Sed por mi estas pli gravaj la homecaj rilatoj. Se komencantoj jam estas fakto, ĉiuj rilatis al ili bonanime, eĉ ripetante gravajn anoncojn en rusa lingvo. Ĉu tiĥvinaj tendaroj vere estas la plej maldisciplinemaj rilate la lingvon? De juneco mi memoras, ke ĉiam estis ne nur komencantoj, sed eĉ simple flankuloj-interesiĝantoj, kaj vole-nevole krokodilado estis – certe, ne en oficiala parto de programo.

Kun la provinca naiveco mi ankaŭ opinias, ke ĉiu kultura homo devus uzi ĉiun eblon por konatiĝi kun vidindaĵoj, historio kaj tradicioj de la vizitata loko. Ĉe-baltiaj popoloj ĉiam proponis dum E-renkontiĝoj sian nacian tagon. Kial la tiĥvinanoj ne povas fari Tagon de Tiĥvin? Tio estas mia propra opinio. Tamen, kiom da homoj, tiom da opinioj.

Ĉiuj rimarkoj de Viktoro estis pridiskutitaj dum la klubaj ĵaŭdoj, kaj mi esperas, ke ili estos konsiderataj en estonta laboro.

***Zoja Kaĉalova (Tiĥvin)***

# Eksciu, ke...

## TRADUKISTOJ NASKIĜAS, SE PRAKTIKE PRESTIĜAS

La redakcio de la revuo "Scienco kaj Kulturo" kaj katedro por internaciaj lingvoj de Eŭropa Jura Universitato "Justo" organizas pagatajn dujarajn kursojn por E-tradukistoj. Estas farataj du grupoj, unu – ĉeesta por moskvanoj kaj la dua reta – por retaliraj ruslingvanoj.

La moskva tradukista grupo laboros ĉiusabate en la ejo de la universitato de la 11.00 ĝis la 14.00. La reta grupo laboros same ĉiusemajnfine, kaj instruanto estos Anatolo Gonĉarov. Esti konsilanto por ambaŭ grupoj konsentis sperta tradukisto el kelkaj lingvoj Vladimir Samodaj. La koston de la instruado kaj akompanaj elspezoj (jare 2000 rubloj) eblas pagi ĉiuduonjare po 1000 rubloj. Pensiuloj, senlaboruloj kaj studentoj havos 50%-an rabaton. Fine de la kurso la partoprenantoj havos ekzamenon kaj la sukcesintoj ricevos respektivan diplomon de la universitato.

La kvanto de la kursanoj estas limigita: ĝis po 10 personoj ambaŭgrupe. La traduk-taskoj kaj kontentigaj ekzamen-taskoj estos publikigataj en "Scienco kaj Kulturo" kaj aliaj E-revuoj. La kursanoj ferios dum du someraj monatoj.

La interesiĝantoj partopreni la kursojn petu pliajn detalojn kaj la eniran enketilon: por la ĉeesta grupo – per la telefono (095) 4594598; por la reta grupo – ĉe <admin@ejusto.ru> aŭ poŝte: G.M.Ŝilo, p/k 80, 125130 Moskva.

**_Anatolo Gonĉarov (Moskvo)_**

> Multaj fotoj de la ĉi-jaraj OkSEJT kaj IJK troveblas ĉe la ttt-ejo <www.elefanto.tomsk.ru>.
> **_(Jurij Paseĉnikov, Tomsk)_**

## BONVENON AL LATVIO!

**15-a Internacia Esperanto Kongreso kun Baltiaj Esperanto Tagoj BET-41**

**_14-22.07.2005, Rigo, Latvio_**

**_14.07. Ĵaŭdo._** _Alveno al Rigo, renkontiĝo kun loka E-grupo, vojaĝo al Talino, tranokto._

**_15.07. Vendredo._** _Promeno en Talino: Tompea kastelo, Longa Hermano, Doma preĝejo, preĝejo de Aleksandro la Neva, turoj Kik in de Kok, Virgulina kaj Dika Margareta, preĝejo Oleviste, Tri Fratinoj, Domo de Nigrokapuloj, Malgranda Gildio, Granda Gildio, Urbodoma placo. Renkontiĝo kun estonaj esperantistoj en klubejo. Busa ekskurso al Kadriorg kaj Pirita. Reenvojaĝo al Rigo kaj Interkona Vespero en Rigo._

**_16.07.Sabato._** _Inaŭguro de BET-41 kaj la 15-a IEK. Komuna vojaĝo al Jurmala kaj Tukums. Promeno kaj ripozo ĉe Jurmala, Majori. Vojaĝo al bieno en Milzkalne, renkontiĝo kun lokaj folkloraj grupoj. Koncerto de alvenintaj ensembloj en Tukums sur urboplaco kadre de Tukums-Urbofesto. Festa Marŝado tra la urbo_

*al la bieno Durbe. Komuna balo sur estrado de la bieno Durbe. Reveno al Rigo.*

***17.07. Dimanĉo.*** *Promeno en antikva Rigo: Petro-Turo, Domo de Nigrokapuloj, Doma preĝejo, Tri fratoj, Preĝejo de Sankta Jakobo, Sveda pordego, monumento de Libereco. Seminario "La rolo de esperantistoj en kunlaboro de ĝemelaj urboj". Koncerto de alvenintaj grupoj en urbocentro por riganoj. Nacia Vespero, prezentiĝo de latvaj popolgrupoj.*

***18.07. Lundo.*** *Ekskurso laŭ Sukcena itinero laŭ "Liva bordo". Starto de Rigo laŭ marbordo. Kolka – kulturcentro de livoj, Nacia Parko Slitere, promeno laŭ vojetoj en la parko, Slitere-lumturo. Ventspils – la plej pura urbo en Latvio, vizito de Urbodomo de Venstpils, Ĉemara parko, strando.*

***19.07. Mardo.*** *Partopreno en la programo de BET kaj IEK en Rigo. Seminario "Esperanto en turismo", ŝipekskurso laŭ rivero Daugava. Seminario "Unesko kaj Esperanto – sukcesa kunlaboro". Akcepto ĉe Riga Urbestro en Urbodomo. Internacia Vespero.*

***20.07. Merkredo.*** *Ekskurso al Cesis kaj Sigulda. Promeno en Cesis, ekskurso kun teatraĵo en Cesis-kastelmonto. Eventuala koncerto de alvenintaj grupoj sur urboplaco de Cesis. Sigulda: la parka muzeo Turaida, Gutmana groto, promeno laŭ valo de la rivero Gauja, Nacia parko de Gauja.*

***21.07. Ĵaudo.*** *Fermo de BET-41 kaj la 15-a IEK, koncerto de alvenintaj grupoj dum fermo. Libera tempo.*

***23.07. Vendredo.*** *Vojaĝo al Aglona baziliko, tra Daugavpils al Vilnius.*

***23.07 Sabato.*** *Partopreno en UK en Vilnius.*

Aliĝkotizo: 5 eŭroj. Gvidanto de la grupo kaj de la ensembloj aliĝas senpage. Aliĝkotizo inkluzivas programon, Esperanto-ĉiĉeronon. La aliĝkotizo ne inkluzivas ekskursojn, vizitadon de muzeoj, kasteloj kaj transporton. Ensembloj aliĝas kun rabato kaj pagas 50 eŭrojn (loĝado dum la tuta periodo kaj aliĝkotizo).

Loĝado: en Rigo – loĝado en Studenta domo, en 2- kaj 3-litaj ĉambroj (kun necesejo kaj duŝejo) sen matenmanĝo – 8 eŭroj por persono/nokto. Tranokto en komunloĝejo (necesejo kaj duŝejo suretaĝe) – 6 eŭroj por persono/nokto. Tranokto en apudaj hoteloj – 25 eŭroj kun matenmanĝo. Eblas mendi tag- kaj vespermanĝon, 3-6 eŭroj por manĝo.

Aliĝilon kaj aldonajn informojn petu ĉe: Mara Timermane, gvidantino de "Verda Ondo", Kr.Valdemara 145/1-32, LV-1013 Riga; tel. +3719115413; rete <mtimermane@yahoo.com>.

## JARA KONGRESO DE LEA

La 11-an de decembro 2004 en Kaunas okazis la vica 40-a kongreso de Litova Esperanto-Asocio. Ĝin partoprenis 232 esperantistoj el 27 litoviaj urboj kaj loĝlokoj kaj gastoj el Rusio, Pollando, Latvio kaj Belorusio. Raporton pri la agado de litoviaj esperantistoj dum 2004 faris prezidanto de Litova Esperanto-Asocio Povilas Jegorovas, li speciale elstarigis agadon de Litova Esperanto-Asocio lige kun la proksimiĝanta 90-a UK, kiu okazos sekvajare fine de julio en Vilnius. En diskutoj pri la raporto partoprenis la unua vicprezidanto de la asocio eksparlamentano Stasys Kruzinauskas, vicprezidanto prof. habil. d-ro Aloyzas Gudavicius,

prezidanto de Vilniusa filio de LEA Gediminas Degesys, esperantistoj Zenonas Sabalys, Lionginas Vaiciulionis, Irma Bornaite k.a. La kongreson vaste pritraktis amaskomunikiloj: jam dum la kongresa tagon vastaj artikoloj de Povilas Jegorovas pri la agado de litovaj esperantistoj aperis en la tutlanda ĉiutaga gazeto “Lietuvos aidas” kaj en la regiona gazeto “Teviskes zinios”; krome, la 13-an de decembro aperis artikoloj en tutlandaj ĉiutagaj gazetoj “Lietuvos rytas” kaj “Kauno diena”. La 11-an de decembro informon pri la kongreso kaj agado de LEA disvastigis nacia novaĵagentejo ELTA. Multaj lokaj amasinformiloj uzis ĝin. En la kongreso estis reprezentantoj de du televidoj, kiuj vespere faris raportojn dum novaĵelsendoj (Puko TV kaj la programo “Knygu pasaulyje”). Post la kongreso okazis tradicia aranĝo de litovaj esperantistoj “Zamenhof-tagoj-2004”.

***(esper-inform)***

## INFANA KONGRESETO EN 2005

La 36-a Internacia Infana Kongreseto (IIK) okazos apud Vilno, de la 23-a ĝis la 30-a de julio 2005. Denove ni invitas infanojn inter 6- kaj 13-jarajn kun bona rego de Esperanto al neforgesebla semajno. IIK okazos apud lago en arbaro, 36 kilometrojn nordoriente de la urbo de la Universala Kongreso (UK). Dormlokoj estas en 5-6 apudaj dometoj; la ĉambroj havas de 1 ĝis 8 dormlokojn. Ĉiu dometo havas duŝojn kaj necesejojn. Estas centra kuirejo, manĝsalono kun cent lokoj kaj kvar komunaj ĉambroj por ludado kaj grupaj programoj.

La ejo nomiĝas litove “Pailgio perlas” (Perlo de Pailgis). La IIK-ejo troviĝas en plena naturo kaj estas atingebla el Vilno nur per privata transporto. La kongresetanoj vojaĝos per luita buso el la UK-ejo en la komenca sabato (planite je 17.00) kaj revenos simile en la ferma sabato (planite ĝis 10.00). Ni havos ekskluzivan uzon de la ripozejo, do ni povos krei unikan Esperantan etoson. Apud la loĝejo troveblas infana ludejo, sporta tereno por i.a. korbopilko, retpilko kaj futbalo. Apude estas lago kun observanto por kontroli la sekurecon de naĝantoj. Ĉe la lago eblas uzi boatojn kaj akvo-biciklojn. Estas eksterdomaj tabloj kaj seĝoj, kaj subĉiela rostejo, ekzemple por rosti ŝaŝlikojn kaj similaĵojn.

> – En via aĝo, – diras la patro al la filo, – Napoleono estis la unua lernanto en klaso.
>
> – Jes, paĉjo. Sed en via aĝo li jam estis imperiestro de Francio.
>
> ***(“Litova Stelo”, № 5/2004)***

Inter planataj programeroj estas manlaboroj, muzikado, kuk-bakado, paperfaldado, sportaj olimpikoj, trezor-serĉo, kvizoj kaj skeĉumado. La organizantoj de la kultura programo por UK aktive planas interesajn erojn por la infanoj. Estos konvenaj gvidantoj (ni celas po unu por ĉiu kvino da infanoj, kun almenaŭ unu litova lokulo). La kuiradon prizorgos dungitoj de la ripozejo; eblos atenti vegetarajn kaj aliajn dietajn bezonojn de infanoj.

La kotizo kovras la kostojn de restado, tri manĝoj tage, intermanĝetoj, programo de la vespero la 23-an de julio ĝis la mateno la 30-an de julio, unu tuttaga ekskurso kaj alvena/forira transporto. Ĝi ne inkluzivas asekuron, kiun la gepatroj devas prizorgi mem, liverante pruvilon pri tio. Aliĝo ekestas definitiva kaj estos konfirmita post ricevo de minimuma antaŭpago de 130 eŭroj al la Centra Oficejo

de Universala Esperanto-Asocio (UEA), la dato de ricevo determinas la plenan sumon pagendan. La resto estos pagenda plejlaste al la kasisto de UEA komence de la Universala Kongreso.

La kotizo por eventualaj rusiaj partoprenontoj estas de 130 ĝis 190 eŭroj, depende de la aliĝperiodo. Rabato por helpantoj kaj infanoj post la unua el unu familio estas 15%. Ni akceptas nur infanojn inter 6- kaj 13-jaraj, kiuj jam komprenas kaj parolas Esperanton; tiuj povas veni el E-familioj aŭ lernejaj klasoj. Infanoj, helpantoj kaj gvidantoj ricevas aŭtomatan kaj senpagan aliĝon al UK. La informilo kaj aliĝilo estas peteblaj de la komisiito. Sendu aliĝilojn al la komisiito, sed pagojn al la Centra Oficejo de UEA.

**Komisiito:** Stefan MacGill, Pannonia u. 30 – I – 6, HU-1136 Budapest, Hungario; <stefan.macgill@galamb.net>, <s_macgill@yahoo.co.nz>; tel. + 36-1-349-5207. **Centra Oficejo:** Nw. Binnenweg 176, 3015 BJ Rotterdam, Nederlando; <kongresoj@co.uea.org>. **Respondeculo pri IIK en LKK:** s-ino Nijole Stakeniene, <nijolla@omni.lt>.

Malaliĝoj: kaze de skriba malaliĝo al la komisiito aŭ al CO antaŭ 30-a de junio 2005, estos redonita la pagita sumo minus 30 eŭroj por ĉiu infano. Aliĝo estas, sub certaj kondiĉoj kaj post interkonsento, transigebla al alia infano.

Pri ceteraj kondiĉoj de aliĝo, aliaj novaĵoj kaj listo de partoprenontoj bv. vidi la hejmpaĝon de IIK, sub "Kongresoj" ĉe la paĝaro de UEA: <http://www.uea.org>.

Ĉi tiu estas la teksto de la Unua KomunIIKo. Postaj komunIIKoj estos sendataj retmesaĝe nur al la personoj kiuj aligis infanojn kaj al konataj interesiĝantoj.

## INVITO AL LA 4-a AZIA KONGRESO

La 4-a Azia Esperanto-Kongreso okazos en Nepalo inter la 4-a kaj la 8-a de marto 2005. La unua kongreso okazis en Ĉinio en 1996, la dua – en Vjetnamio en 1999, la tria – en Koreio en 2002. Ĉinio kaj Koreio estas progresintaj landoj koncerne Esperanton, kaj en Vjetnamio la registaro multe subtenis la kongreson. Sed en Nepalo malmultaj esperantistoj kun malmultaj spertoj klopodas sen la subteno de la registaro. Sukceso de tiu ĉi kongreso havas grandan signifon por Esperanto-movado en Azio. Ĝis nun al la kongreso aliĝis 80 partoprenontoj. Petu detaljn informojn de s-ro Bharat Gimire <nespa_bharat@hotmail.com> (Ĝenerala sekretario de Nepala Esperanto-Asocio). Vidu ankaŭ la ttt-ejon de Azia Kongreso <www.esperantonepal.com> aŭ <www.amikeco.com>.

***(individuaj-membroj)***

## JUNAJ ESPERANTOLOGOJ PRELEGU EN VILNIUSO

Estas fakto, ke jen kaj jen aperas junaj talentaj esperantistoj kun universitata klero, eĉ kun doktoreco, kiuj verkis interesajn esperantologiajn studojn, prezentis magistrigajn aŭ doktorigajn disertaciojn aŭ intencas tion fari, kaj tamen restas relative nekonataj. La bedaŭrinde nesufiĉa intereso en la movado pri tia scienca agado ofte sekvigas certan frustron aŭ eĉ malaperon de tiuj talentuloj. Sed ni bezonas ĉiun talentulon, ne nur en la sferoj de faka apliko, beletro ktp., sed ankaŭ aparte en la sferoj de interlingvistiko kaj esperantologio. Ja restas ankoraŭ multo por esplori pri

internacia lingva komunikado, pri planlingvoj kaj – aparte – pri Esperanto kun sia komunumo, por havi pli bonan science bazitan fundamenton por niaj klopodoj kaj argumentoj. Pro tio la tradicia esperantologia konferenco, okazonta kadre de la UK-90 en Vilniuso, ĉi-foje ne rilatiĝos al iu konkreta temo, sed estu loko aparte por junaj esperantologoj. Ili prezentu siajn studo-finajn disertaciojn, diskutigu siajn aperintajn aŭ aperontajn verkojn aŭ informu pri temoj, pri kiuj ili estas laborantaj, aŭ pri scienc-organizaj aspektoj de sia esperantologia agado. Krom tio, la konferenco diskutu, kion ŝanĝi, por ke junaj intelektuloj, provizitaj per diversfakaj modernaj scioj, sin sentu pli forte ol ĝis nun motivitaj verki science pri Esperanto.

Estas planite eldoni la aktojn de la konferenco. La Estraro de CED, kiu aŭspicias la konferencon, inter la altkvalitaj kontribuoj elektos la plej bonan por eventuala aperigo en la socilingvistika revuo "Language Problems & Language Planning". En kazo de neceso oni klopodos trovi eblon finance subvencii la partoprenon de taŭgaj kandidatoj. Interesatoj sin anoncu ĉe d-ro Detlev Blanke <dblanke.gil@snafu.de>.

## LA 91-a JAPANA KONGRESO

Finiĝis la 91-a Japana Esperanto-Kongreso en Inuyama, 30 minutojn trajne de Nagojo (Nagoya). Laŭ la anonco de la Loka Kongresa Komitato, ĝin partoprenis 457 personoj, el kiuj 123 estas moralaj aliĝintoj. El ili, cetere, 10 estis el ekster Japanio. Inter la gastoj estis s-ro Jegorovas el Litovio, kaj ankaŭ estis (neesperantista) ambasadoro de Litovio en Japanio, d-ro Kudzys. Aliaj oficialaj gastoj, agnoskitaj kiel tiaj de la Urbo Inuyama kaj salutitaj de la vicurbestro estis: s-ro Henry Studer el Davis (ĝemelurbo de Inuyama en Kalifornio, Usono), s-ro Jakvo Schram el Belgio, f-ino Duong Tu Kieu el Vjetnamio kaj s-ro Andrej Korobejnikov el Rusio, kiu donis piano-koncerton. En la fino, la kongresa verda standardo estis transprenita de la membroj de Jokohamo (Yokohama), kiu okazigos la 92-an Japanan Kongreson tie. Tiu urbo estas nun konata kiel la urbo por la 92-a UK en 2007.

***(landa agado)***

## SVEDA E-KONGRESO EN MAJO 2005

La svedaj esperantistoj jarkongresos en 2005 en Haninge, sude de Stokholmo, la 21-an kaj 22-an de majo. Samtempe jarkunsidos la koopera eldonejo Eldona Societo Esperanto kaj la sveda sekcio de ILEI. Kiel kongresejo funkcios la Popoldomo de Haninge. Eksterlandaj gastoj estas bonvenaj! Kontaktu Franko Luin <inko@algonet.se>.

***(NUN)***

## DUMPASKE – AL IJF!

De la 23-a ĝis la 29-a de marto 2005 IEJ (Itala Esperantista Junularo) okazigos la 29-an Internacian Junularan Festivalon, ĉi-jare – surmare en Lido di Jesolo, apud Venecio! Ne maltrafu ĉi tiun belegan internacian sperton kaj ĝuu la unuan periodon por aliĝi! Por pluaj informoj vizitu < http://iej.esperanto.it/ijf/2005/> aŭ skribu al <ijf.admin@esperanto.it iej@esperanto.it>.

## VIVIS, VOJAĜIS, VERKIS…

Starij-Oskol-regiono, vilaĝo Obuĥovka, malgranda blanka domo kun tabuleto surmure: "Muzeo de Vasilij Eroŝenko". Ni, grupo de esperantistoj el Jelec, eniras ĝin… kaj fariĝas atentocentro de multaj homoj – ni trafis kunvenon de la loka literatura klubo "Velo".

Kaj jen ĉe la granda tablo, en la sama ĉambro, kie iam Vasilij Eroŝenko instruis infanojn kaj prelegis por plenaĝuloj, sidas nun ni kaj aŭskultas poemojn, versojn, versetojn… Precipe impresis nin versoj de Helena Skrinnikova, 26-jara nevidanta esperantistino el Starij Oskol. Ŝi voĉlegis ilin tiel nature, kun tia mirinda ĉarmo, ke ricevis grandajn aplaŭdojn. Ŝi donacis al ni libron kun siaj ruslingvaj versoj.



La klubkunveno finiĝis per tradicia tetrinkado, kaj post ĝi venis la tempo por nia konatiĝo kun muzeaj kolektoj.

Gvidataj de direktorino de la muzeo ni trairas ĉambron post ĉambro. Jen ni vidas neordinaran portreton de Eroŝenko, pentritan de fama japana pentristo Nakamura Cune, jen sur vitraj bretoj – fotoj, dokumentoj, leteroj, ĵurnaloj, diversaj aĵoj kaj libroj de kaj pri Eroŝenko. Sed ni ne vidas eĉ unu libron en Esperanto. Esperantlingvajn librojn la muzeo ne havis, ĉar en 1952 ĉiujn manuskriptojn de V.Eroŝenko, ĉiujn liajn leterojn kaj librojn, kiuj restis post lia forpaso, oni forbruligis. "El vivo de ĉukĉoj", donacita de ni al la muzeo, iĝis ĝia unua libro en Esperanto.

Poste ni iris al la vilaĝa tombejo. Tie kun klinitaj kapoj staris ni ĉe la farita el nigra marmoro tomboŝtono, sur kiu estas gravurita nomo: Vasilij Jakovleviĉ Eroŝenko… Pluvetis… Nelaŭta voĉo de nia ekskursgvidantino daŭrigis rakonton pri lastaj tagoj de Vasilij Eroŝenko. La mondmigranto, esperantisto, poeto mortis en 1952, la 23-an de decembro. Iam li skribis: "Kiam mi mortos, sur mia tombo estu skribitaj nur tri vortoj – vivis, vojaĝis, verkis". Tiu ĉi lia deziro estas plenumita.

***Nina Zueva (Jelec)***

## "MI ESTAS" – LA UNUA DISKO DE ĴAK LE PUIL

Protestkanzonoj, amkanzonoj, ŝerckanzonoj... Ĵak Le Puil, la fama franca kantisto, konata al la esperantistoj jam de pluraj jardekoj, finfine eldonis sian unuan KD-on, sed tio ja ne estas lia unua albumo!




Ĵak registris sian unuan albumon sur kasedo, "Danĝera ul'", en 1977, kaj poste tri aliajn: "Revenas mi" en 1980, "De Pont-Aven al Varsovi'" en 1985, kaj "Ne donu tro" en 1993. Do estas ne malpli ol 27 jaroj da ĉeesto, kiun Ĵak esprimas per tiu ĉi albumo, ŝtopita je dolĉa mokemo, soci-politika kritiko kaj multe da tenero. Vi trovos en ĝi kvar originalajn titolojn komponitajn de Ĵak laŭ tekstoj de Eŭgeno Miĥalski, Claus J. Günkel, Tomaŝ Pumpr kaj Stefan Maul; poemon de Radoj Ralin laŭ traduko de Marin Bacev, "La prezidenta ĉaso" tradukitan de Jopetro Danvy, la "Kongresurboj" eltiritan el la kasedalbumo "Revenas mi", kaj plurajn aliajn, inter ili kantojn adaptitajn de Pierre Perret, Graeme Allwright, Boris Vian... finfine, ion el kio satiĝi....

Ĉi tiu albumo estis surbendigita tute en la Studio "Vinilkosmo/De La Trappe" kun bonega kunlaborado de la fama JoMo ĉe gitaro, basgitaro, klavaroj kaj perkutiloj! Ĉu endas diri pli? Por aŭskulti fragmenton aŭ rekte mendi, vizitu la ttt-ejon <http://www.vinilkosmo.com>

***(Informletero de Vinilkosmo, № 9)***

## KVIN BIBLIOTEKOJ RICEVIS THORSEN-APOGON

La kolektoj de kvin Esperanto-bibliotekoj pliriĉiĝas dank' al la ***Biblioteka Apogo Roma kaj Poul Thorsen***, pri kies subvencioj lastatempe decidis la UEA-estraranino pri kulturo Claude Nourmont kaj la Ĝenerala Direktoro Osmo Buller. Subvencion de po 250 eŭroj ricevis "Esperanto 3000" en Loveno (Belgio), Kulturdomo de Franclandaj Esperantistoj kaj la Varsovia Filio de Pola Esperanto-Asocio. Esperanto-rondo en Bangaloro (Hinda Unio) estis apogita per 150 eŭroj kaj la Germana Esperanto-Centro Herzberg per 100 eŭroj.

***Biblioteka Apogo Roma kaj Poul Thorsen*** disdonis ekde 1997 subvenciojn je la suma valoro de 11750 eŭroj. La apogataj bibliotekoj ricevas librojn laŭ la dezirlistoj, kiujn ili sendas kun siaj subvencipetoj. Pri la subvencioj oni decidas unufoje jare. Petoj por la jaro 2005 devos atingi la Centran Oficejon de UEA ĝis la 15-a de oktobro 2005.

***(Gazetaraj komunikoj de UEA, № 189)***

## ESPERANTO-GAZETOJ ABONEBLAJ EN 2005

*abontarifo por Ruslando*

***“La Ondo de Esperanto”**, internacia sendependa magazino, kun literatura suplemento jarfine, ĉiumonata; 24 paĝoj, 290 rubloj.*

***“Esperanto”**, oficiala organo de UEA, ĉiumonata; 24 paĝoj, 17 eŭroj.*

***“Kontakto”**, socikultura revuo de TEJO, dumonata; 16 paĝoj, 10 eŭroj.*

***“Heroldo de Esperanto”**, trisemajna informa gazeto; 4 grandaj paĝoj, 32 eŭroj.*

***“Literatura Foiro”**, kultura revuo, dumonata; 56 paĝoj, 30 eŭroj.*

***“Femina”**, revuo pri temoj interesaj por virinoj, trimonata; 28 paĝoj, 20 eŭroj.*

***“Juna Amiko”**, revuo por lernejanoj kaj komencantoj, kvarmonata; 32 paĝoj, 9 eŭroj (nur 7 eŭroj por tiuj, kiuj abonos antaŭ 31.12.2004).*

***“Monato”**, internacia magazino sendependa, ĉiumonata; 32 paĝoj, 22 eŭroj; reta versio – 13,2 eŭroj.*

***“La Jaro”**, praktika poŝkalendareto de “Monato”; 160 paĝoj, 5 eŭroj.*

***“La Kancerkliniko”**, politika, kultura, skandalema, ajnista, trimonata; 28 paĝoj, 14 eŭroj.*

***“La Gazeto”**, mondkultura, esperantisma, sendependa, dumonata; 32 paĝoj, 9 usonaj dolaroj.*

***“Litova Stelo”**, organo de Litova E-Asocio, dumonata; 32 paĝoj, 7 eŭroj.*

La kotizojn akceptas ***Галина Романовна Горецкая** (236039, Калининград, аб.ящ. 1248).* Konvertu la eŭran/dolaran prezon al la ruslandaj rubloj laŭ la oficiala kurzo, kaj aldonu 2% por kovri la diferencon inter la oficiala kaj banka vendokurzoj. Ruslandanoj kun la Esperanta civitaneco rajtas je sociala rabato de 50% ĉe abono por “Femina”, “Heroldo de Esperanto”, “Literatura Foiro”. Ili pagas por 1 jaro, sed ricevas 2 jarkolektojn (2005-2006).

Mi povas peri abonon por aliaj E-gazetoj, sed la supre listigitaj proponas favoran tarifon por Ruslando. Krome, mi akceptas kotizojn por UEA kaj por la Universala Kongreso de Esperanto (Vilno, julio 2005).

***Halina Gorecka (Kaliningrad)***

## BAKIN 100-JARA

La granda ĉina verkisto kaj veterana esperantisto Bakin (Ba Jin) fariĝis 100-jara la 25-an de novembro 2004. Li aktivas en la E-movado jam ekde la 1920-aj jaroj, kiam li i.a. tradukis el E-to al la ĉina verkojn de E.Amicis, A.Tolstoj kaj Akita Ujaki. En 1932 li ĉinigis la romanon “Printempo en aŭtuno” de Julio Baghy. Ĝi inspiris lin verki ĉinlingve sian propran romanon “Aŭtuno en la printempo”, kies Esperanta traduko aperis en 1980. En Esperanto aperis ankaŭ liaj romanoj “La familio” kaj “Frosta nokto”. Bakin faris gravajn servojn al la ĉina Esperanto-movado, i.a. kiel prezidanto de Ĉina Esperanto-Ligo, kies honora prezidanto li estas. Li estis prezidanto de la Ĉina Verkista Asocio kaj plenumis altajn ŝtatajn funkciojn, i.a. kiel vicprezidanto de la Ĉina Popola Politika Interkonsiliĝa Konferenco. Ekde 1981 Bakin estas membro de la Honora Patrona Komitato de UEA.

***(Gazetaraj komunikoj de UEA, № 188)***

## ROMANO DE STRUGACKIJ "LA LOĜATA INSULO"




La eldonejo "Impeto" aperigis sciencfikcian romanon de famaj rusiaj verkistoj – fratoj Strugackij "La loĝata insulo" (304 paĝoj). La romano estas tradukita fare de Mikaelo Bronŝtejn.

La libron eblas aĉeti en Moskva Esperanto-Centro <http://mec.rusio.ru> kontraŭ 75 rub. La mendojn sendu al <esperanto@e-mail.ru>.

Antaŭe de la sama eldonejo estis aperigitaj sekvaj romanoj de la samaj aŭtoroj: "Malfacilas esti dio", "Pikniko ĉe vojrando", "La fora ĉielarko", "La dua invado de marsanoj". Ĝenerale, laŭ la kontrakto kun Boris Strugackij, en Esperanto devas esti eldonitaj dek romanoj de la plej famaj rusiaj fantastaj aŭtoroj.

***(esperanto-rus-informoj)***

## BELARTAJ KONKURSOJ DE UEA EN 2005

La ĉefa Esperanta artkonkurso, la Belartaj Konkursoj de UEA invitas partoprenantojn por la 56-a fojo. La rezultojn oni anoncos en la 90-a Universala Kongreso en Vilno. Partopreno estas libera al ĉiuj kaj ne ligita al partopreno en la UK. La konkursaĵoj devas esti novaj kaj, escepte de la infanlibroj, antaŭe ne publikigitaj. Krome validas jenaj kondiĉoj:

**Poezio:** Maksimuma longo ne fiksita. Tri premioj.

**Prozo:** Maksimuma longo 200 × 65 tajpospacoj. Tri premioj.

**Teatraĵo:** Maksimuma longo ne fiksita. Tri premioj.

**Eseo:** Teme ligita kun Esperanto aŭ kun la temo de la UK, "Universalaj Kongresoj: 100 jaroj da interkultura komunikado". Premio "Luigi Minnaja" kaj du aliaj premioj.

**Kanto:** Teksto kaj melodioj povas esti de malsamaj aŭtoroj. La melodion oni povas sendi sonbende aŭ skribe (notoj). Premio "An-Song-san" kaj du aliaj premioj.

**Vidbendo:** Teme ligita kun Esperanto aŭ kun la kongresa temo (vd. ĉe Eseo). Daŭro inter 15 kaj 60 minutoj. Sistemo VHS/PAL. Tri premioj.

**Infanlibro de la Jaro:** Originala aŭ tradukita libro (ne lernolibro), presforme aperinta en 2004. Unu premio.

Oni rajtas sendi maksimume tri konkursaĵojn por sama branĉo. Por poezio, prozo, teatraĵo, eseo kaj kanto oni sendu ilin en kvar ekzempleroj; por la infanlibra branĉo – en tri ekzempleroj. Ĉiuj alvenu plej laste la 31-an de marto 2005. Por vidbendo oni sendu po unu ekzempleron ĝis la 1-a de julio 2005.

Ĉion oni adresu al: ***Belartaj Konkursoj de UEA, p/a Michela Lipari, Viale Giulio Cesare 223, IT-00192 Roma, Italio;*** rete <michela.lipari@esperanto.org>.

La konkursaĵoj (krom vidbendoj kaj infanlibroj) estu pseŭdonimaj. La vera nomo kaj adreso estu en aparta koverto. Se eble, oni aldonu 5 internaciajn respondkuponojn por ĉiu branĉo, en kiu oni konkursas. Se oni sendas la konkursaĵojn rete, oni indiku la elektitan pseŭdonimon.

Premioj: Unua premio: 220 eŭroj; dua premio: 154 eŭroj; tria premio: 88 eŭroj; Nova Talento (por la plej bona konkursanto neniam premiita) 154 eŭroj; Infanlibro de la Jaro: 462 eŭroj.

Publikigo: La rajto je la unua presigo de la premiitaj verkoj apartenas al UEA, kiu ankaŭ poste rajtos aperigi ilin senpage en antologio de la Konkursoj.

Detala regularo haveblas ĉe UEA, Nieuwe Binnenweg 176, 3015 BJ Rotterdam, Nederlando, aŭ rete ĉe <uea@inter.nl.net>. Ĝi legeblas ankaŭ en la TTT-ejo <www.uea.org>.

***(Gazetaraj komunikoj de UEA, № 188)***

## LOKOMOTIVO, RULU NUN !

Jen baldaŭ estos 16 jaroj de kiam "Kajto" produktis sian unuan albumon "Flugdrako", kiu ne nur estis la unua KD, sed ankaŭ la unua "vera" disko iam surbendigita profesie de muzikgrupo kantanta en Esperanto.

Kial ne diri ke ili estas la aŭtentaj pioniroj de movado, kiu ne ĉesas grandiĝi; ke malgraŭ kariero de preskaŭ du jardekoj, ilia stilo konstante restas referenco, kaj ke ilia sperto tiom en studio kiom sursceneje sentiĝas pli ol iam tra tiu ĉi kvina kodisko de la bando.

"Kajto" ĉiam restis fidela je muziktemaj historioj, rakontante en ĉiu albumo historion bildigitan de impetaj akordionoj, banĝoj, bekflutoj, gitaroj, mandolinoj kaj ŝalmoj, kun ĉiuj instrumentoj ludataj brile en pure popolmuzika tradicio el Frislando (Nederlando) kaj aliloke, kaj ornamitan de tiom brilaj koruskantoj.

Ĵus aperinta kvina ilia albumo "Lokomotivo, rulu nun" ne esceptas la regulon kaj parolas pri trajnoj laŭ ĉiuj aspektoj. Vaportrajnoj, miniaturtrajnoj, trajnvojaĝado, fajfado kiel tiu de trajno, stacidomaj haloj, vagabondaj muzikistoj kiel Cisco Houston aŭ Woody Guthrie... Neniu faceto de tiu mondo de vibranta metalo eskapis de ili, kaj tiuj, kiuj volas vojaĝi, estas kore invititaj tion fari. Sed atentu! Ne kliniĝu el la fenestro!




Pluraj tekstoj en la albumo estas verkitaj de nia bordoza amiko Marcelo Redoulez. "Kajto" estis honorige gratulita per la

9-a kultura premio de FAME, ricevita el la mano de la urbestro de la germana urbo Aalen en oktobro 2004, kaj tiu ĉi albumo estas prezentita kiel donaca danko. Parto de la kantoj estis surbendigita vive en aprilo okaze de la paska renkontiĝo kun partopreno de la ĉeestantoj en Broek en Frislando!

Por aŭskulti fragmenton aŭ rekte mendi, vizitu la ttt-ejon <http://www.vinilkosmo.com>

***(Informletero de Vinilkosmo, № 10)***

## NOVELLA MATVEJEVA PRI DINA LUKJANEC

Novella Matvejeva estas poetino, unu el la plej famaj rusiaj aŭtoroj kaj plenumantoj de bardaj (aŭtoraj) kantoj. En la semajna gazeto "Knijĵnoje obozrenije" ("Libra revuo", № 43, 2004) estas publikigita granda intervjuo okaze de ŝia jubileo. Jen estas traduko de unu el la demandoj kaj konforma respondo de Novella Matvejeva (Ivan Semjonoviĉ estas I.S.Kiuru, ŝia forpasinta edzo).

*– En la nuntempa aŭtora kanto kiu por vi estas plej proksima kaj simpatia?*

*– Ĝuste la menciita de ni Viktor Luferov. Li estas tre bona kantaŭtoro. Kaj ankaŭ Dina Lukjanec. Ŝi devenas de Altajo, ŝi verkis belegajn kantojn. Mi ne scias, ĉu ŝi verkas nun. Ŝi vizitis nin en Peredelkino. Ŝi parolis kun Ivan Semjonoviĉ pri Esperanto, li estimis tiun lingvon kaj eĉ deklamis en ĝi la "Velon" de Lermontov. Poste ŝi edziniĝis, forveturis, ekde tiu tempo mi nenion pri ŝi scias. Sendube, estas ankaŭ Kim, Gorodnickij, Ada Jakuŝeva, Berkovskij...*

Por la pli junaj gesamideanoj eble necesas klarigi, ke Dina Lukjanec estas unu el la plej elstaraj Esperantaj kantaŭtoroj kaj plenumantoj, en la 60-70-aj jaroj ŝi verkis multajn belegajn kantojn en Esperanto, kiuj ĝis nun estas ŝatataj kaj kantataj. Sufiĉas nur diri, ke en la diskoj "Oraj kantoj" ĉeestas 12 kantoj, kiujn ŝi verkis aŭ tradukis. Nuntempe Dina Lukjanec loĝas en Kazaĥio.

***Garik Kokolija (Moskvo)***

## VORTO KAJ FARO

### *ĉu vi scias, ke…*

Katarino la Dua korespondis kun Voltero, admirante lian kreadon. Post la morto de la verkisto ŝi aĉetis lian bibliotekon. Tamen tre baldaŭ ŝi dekretis malpermeson eldoni verkojn de la franca mokulo.

La romantikulo Bajrono, kiu verkis pri tristo kaj fiera izoleco, restigis ĉirkaŭ dek du volumojn da leteroj, el kiuj videblas, ke li estis gaja kaj vigla homo kun multnombraj amikoj kaj havis tute ne kutiman por poeto aferlertecon.

Andersen, kiu verkis porinfanajn fabelojn, ne ŝatis infanojn. Li ne ŝatis bruadon de infanoj kaj eĉ iliajn tuŝojn. Ili reciprokis tion: la nura aspekto de tiu ĉi grandnaza strangulo timigis ilin.

La filozofo Schopenhauer verkis pri kompato kaj neprofitemo, predikis asketismon, sed reale estis malkonfidema, galhumora, incitiĝema, eĉ malbonkora homo; li ne pardonis eĉ unu ofendon; homaj suferoj, kiujn li tiel elokvente priskribis en siaj verkoj, ne tuŝis lin. Tamen li ŝatis monon, komforton, gloron kaj ne toleris fremdajn konvinkojn.

“Ni presas ĉion krom mono” – jenaj reklamaj afiŝoj de la presejo de Rudolfo Martines renkonteblis ĉie en la urbo Sakramento (Kalifornio, Usono). Post iom da tempo la posedanto de la presejo ests arestita. Evidentiĝis, ke monon, dudek-dolarajn monbiletojn, li tamen presis, eĉ en grandega kvanto.

La filino de Kuprin longe kaj arde persvadis sian jam malsanan patron reveni el la elmigrejo al la patrujo, bele priskribante bonojn de la nova socialisma ŝtata-ranĝo. Tamen ŝi mem restis en Parizo.

“La mondo estas Eŭropo, Eŭropo estas Francio, Francio estas Parizo, Parizo estas Monmartro”, diris Paul Gauguin kaj por ĉiam foriĝis en Polinezion.

La iluziisto Harry Gudini furioze senmaskigadis friponojn kaj tiutempe laŭmo-dajn hipnotistojn kaj mediumojn. Sed nelonge antaŭ la morto li interkonsentis kun la edzino, ke ŝi ricevos pere de mediumo lian mesaĝon el la transa mondo. La plej interesa estas tio, ke la edzino asertis la efektivan ricevon de la mesaĝo.

***el la rusa tradukis Klara Ilutoviĉ (Elektrostalj)***

---

Du ĝentlemanoj staras sur ponto super Tamizo. Sube dronas homo kaj laŭte krias:

– Savu, helpu! Mi ne scipovas naĝi!

Unu el la ĝentlemanoj demandas la alian:

– Ĉu vi scipovas naĝi?

– Ne.

– Ankaŭ mi ne scipovas. Sed ni ambaŭ ja ne krias pri tio por la tuta Londono.

---

Interparolo de du psikiatroj:

– Kolego, kial subite resaniĝis tiu via paciento, kiu suferis je person-dueco?

– La kuracado iĝis tiom multekosta, ke li ne plu povas pagi por du personoj.

---

Kuracisto al paciento:

– Se vi ne uzos alkoholon, vi plilongigos vian vivon!

– Vi pravas, doktoro! Nur semajnon mi ne drinkis, sed ŝajnas ke pasis tuta jaro.

---

– Karulo, aspergu florojn en la ĝardeno!

– Sed ekstere ja pluvegas!

– Ne gravas, kunprenu la ombrelon.

---

– Ĉu en Universo estas saĝaj estaĵoj?

– Certe, estas!

– Kial do ili ne kontaktas nin?

– Ĉar ili ja estas saĝaj…

---

# Nikolaj Neĉajev (Irkutsk)

## Stelmapo

Levas mi alten la kapon,
Vidas senfinan stelmapon.
Flugas rigardo al foro,
Fuĝas el koro angoro.
Kosmo senlimon etendas,
L' koro feliĉon atendas.
2003

## Verda espero

Foliojn flavajn arboj perdas.
Espero kore ĉiam verdas.
Burĝonas miaj revoj kore,
Por vivi maje, ĝoje, flore.
Printempo iam venos mia,
El vivo fuĝos temp' glacia.
2003

## Viv-eroj

Fluas en sabla horloĝo sableroj,
Dronas en tempo pasinta someroj,
Vintroj, printempoj, aŭtunoj, sezonoj,
Ĉiam alternas neĝeroj, burĝonoj.
Ĉiam alternas en vivo viv-eroj,
Ĉiam aperas en vivo esperoj.
2004

## Hodiaŭa krizo

De kie forton ĉerpi?
Min kio povas helpi?
Mi ree devas hisi
La flagon, paŝi, misi…
Hodiaŭ l' koro sangis,
La koron kriz' lavangis.
Varmigos ĝoj' lavangon,
Vivigos ruĝ' la vangon.
2004

## *Infanaj rakontetoj pri bestoj,*
## *verkitaj de la rusa porinfana verkisto*
# Miĥail Pljackovskij,
### *kun bildoj de Viktor Sutejev.*
### *Tradukis Mikaelo Povorin.*

# KIEL HUNDIDO BOJ LERNIS KOKERIKI

Boj aŭdis, kiel koko Kokerik kantas, kaj ĉagreniĝis: “Tamen kial ni, hundidoj, ne scipovas tion?” La hundido aliris la kantiston kaj diris:



– Bonvolu instrui min kokeriki. Vi tiel brile faras tion, ke eĉ la suneto matene leviĝas en la ĉielon samtempe kun via kanto!

– Kio ĝustas, tio ĝustas, – la koko diris. – Mia voĉo al multaj plaĉas. Oni eĉ registris min sur diskon.

– Sur diskon? Ĉu ver-r-re? – Boj jelpis pro miro.

– Honestan kokan vorton! – Kokerik fiere respondis. – La disko nomiĝas “La voĉoj de birdoj”. Tie krome kantas iu najtingalo. Kaj iu kukolo.

– Ankaŭ mi volas sur diskon, – Boj suspiris.

– Nu, bone, – la koko kompatis la hundidon. – Mi kokerikos, kaj vi ripetu post mi.

– Ho! Mi konsentas! – la hundido ekĝojis.

– Ni komencu! – la instruisto komandis. – Kokeriko!

– Aŭ-aŭ-aŭ-aŭ! – la hundido respondis.

– Ial ne sukcesas la tuta kanto tuj, – Kokerik rimarkis. – Ni provu posilabe.

– Provu ni posilabe, – Boj ne rezignis.

– Ko...





– Aŭ!
– Ke...
– Haŭ!
– Riko!
– Aŭ-haŭ!

– Ne, – la koko ĉagreniĝis. – Ĉu mi estas malbona instruisto, ĉu vi estas lernanto... vi mem konscias... ne tute komprenema.

– Vere, mi ne sukcesas pri via kanto, – Boj mallevis la kapon. – Sed mi tiel volas, ke ankaŭ mian voĉon oni registru sur diskon.

– Ne gravas, – Kokerik trankviligis la hundidon. – Vi ne scipovas kanti koke, sed kompense vi scipovas boji hundide. Kaj vian hundidan kanteton nepre oni devas registri sur diskon. Sed sur alian. Kaj ĝi nomiĝos “La voĉoj de bestoj”.

– Kiel bonege! – la hundido graŭletis kaj eksvingis la voston pro ĝojo. – Vi tre saĝe elpensis ĉion ĉi!

– Tamen necesas ĉiutage provkanti la kanteton, – la koko avertis.

– Certe! Nepre! Mi tr-rejnos min! – la hundido kuraĝis.

Kaj ĝi komencis, kvazaŭ kun streĉita risorto, kuradi tra la korto, kantante sian senfinan hundidan kanteton:

Aŭ-aŭ, aŭ-aŭ-aŭ!
Haŭ-haŭ, haŭ-haŭ-haŭ!
Aŭ-aŭ-aŭ!
Haŭ-haŭ-haŭ!
Aŭ!
Haŭ!

# KAMOMILOJ EN JANUARO



Hundido Boj kaj anasido Kvilko rigardis, kiel en la korto ŝvebas neĝeroj, kaj ŝrumpis pro la frosto.

– Ĉu malvarme? – la hundido klaketis dente.

– Somere, certe, pli varmas...– la anasido diris kaj kaŝis la bekon sub la flugilon.

– Sed ĉu vi volas, ke tuj venu la somero? – Boj demandis.

– Ĉu tuj? Senprokraste?

– Certe!

– Mi volas. Sed tiel ne okazas...

La hundido elprenis paperfolion kaj skatolon kun diverskoloraj krajonoj. Post kelkaj minutoj ĝi montris sian bildon al la frostanta Kvilko.



Sur la folio verdis herbo, kaj ĉie brilis malgrandaj sunetoj de kamomiloj. Kaj super ili en angulo de la bildo lumis la vera somera suno.

– Bone vi elpensis tion! – la anasido laŭdis Boj-on. – Mi ankoraŭ neniam vidis kamomilojn... en januaro!

Sur la teron plu faladis la neĝo. La hundido kaj la anasido rigardis la gajajn florojn, kaj ŝajnis al ili, ke venis la bonkora kamomila somero. Kaj al ambaŭ iĝis tre varme.

## HEJ, CI!

Neniu besto volis preteriri la dometon, en kiu loĝis papago Hejci. Ja alie oni ne nomis ĝin, ĉar la plej ŝatata esprimo de la papago estis “Hej, ci!”. Kiam ĝi vidis hipopotamon, ĝi kriis:

– Hej, ci, Hipopotam’! Paŝas ci, kiel tamtam’!

Se ĝi vidis krokodilon, ĝi mokis:

– Hej, ci, Krokodil’! Ci kuŝaĉas en argil’!

Vidante rinoceron, ĝi malebligis al tiu preteriri trankvile:

– Hej, ci, Rinocer’! Ne tagmanĝu per paper’!

Kiu volas preteriri tiom malican papagon? Tamen oni estis devigitaj preteriri. Ja la dometo de papago Hejci situis en la plej centra strato, kontraŭ la plej centra ĉiovendejo.



Pleje malkontentis pri tiu mokemulo la direktoro de la ĉiovendejo ĝirafo Longakol, ĉar ĝin preskaŭ ĉesis viziti aĉetantoj. Neniu volis esti mokata en ĉies ĉeesto.



Kaj tiam ĝirafo Longakol elpensis ruzan solvon. Ĝi donacis al la papago por la naskiĝtago grandegan novan spegulon.

Hejci vidis sin en la spegulo kaj pensis, ke ĝin rigardas tute alia papago.

Ekde tiu tago ĝi konstante sidaĉas antaŭ la spegulo kaj mokas sin mem:

– Hej, ci, Papag'! Malsekiĝis ci en lag'!

# LONGA KOLO

– Ĉu ni interŝanĝu la kolojn? – porkido Gruntil proponis al ĝirafo Longakol. – Mi donos al vi la mian, kaj vi al mi – la vian.

– Sed por kio vi bezonas mian kolon? – la ĝirafo demandis.

– Mi trovos uzon... – la porkido respondis. – Kun longa kolo pli facilas kaŝkopii diktaĵon dum leciono.

– Kaj por kio krome?

– Krome, en kinejo el ajna loko ĉio videblas.

– Nu, kaj ankoraŭ?

– Eblas preni pomojn de sur grandaj arboj.

– He, ne! – Longakol diris. – Tian rimarkindan kolon mi mem bezonas!



# ☺ AMUZAJ MISSKRIBOJ KAJ ERAROJ ☺

Jen estas kelkaj amuzaj eraroj kaj misskriboj, trovitaj dum legado de diversaj E-tekstoj, plejparte – artikoloj kaj informoj, senditaj por REGo: *20 dromlokoj* (anst. dormlokoj); *altpeza* (anst. altpreza); *dumvinaj membroj* (anst. dumvivaj); *e-pistoj* (anst. esp-istoj); *"El malhela Lum"* (anst. "El malproksima helo"); *Esperanto-kunturo* (anst. kulturo); *geamokoj* (anst. geamikoj); *gesesperantistoj* (anst. geesperantistoj); *ĵuis* (anst. ĝuis); *kabablo* (anst. kapablo); (temas pri IJK en Kovrov) *"kadre de nokta programo oni povos spekti plej bonajn rusajn fulmojn kun subtitoloj en Esperanto"* (anst. filmojn); *kunsidondoj* (anst. kunsidontoj); *mambroj* (anst. membroj); *monskala movado* (anst. mondskala); *Odinovo* (anst. Odincovo); *"Ortaj kantoj"* (anst. Oraj); *paropreni* (anst. partopreni); *partonoj* (anst. patronoj); *plu-malpli* (anst. pli-malpli); *poŝkodo* (anst. poŝtokodo); *sprotkonkursoj* (anst. sportkonkursoj); *Ŝata Komitato pri Junularaj aferoj* (anst. Ŝtata); *vidpunto* (anst. vidpunkto); *vovaĵoj* (anst. novaĵoj).

---

## KOKTELO

*Evidentiĝas, ke la rusa kaj Esperanto tute interplektiĝis inter si, kaj parton de rusaj vortoj konsistigas E-aj vortoj, ekz.* ***моно-грамма.*** *Do, sube vi trovos rusajn vortojn, kaj la kvanto de punktoj montras, kiom da literoj troviĝas en la ellasita parto, koincidanta kun E-vorto. La E-vortoj eniras kun finaĵoj. Por plifaciligi la respondon, post la rusaj vortoj enkrampe estas klarigata signifo de la E-vorto.*

| | |
|---|---|
| 1) п . . . . н | (solena moro) |
| 2) д . . . г а | (ĝin valoras silento) |
| 3) те . . . . зор | (porti alten) |
| 4) го . . . . рство | (malnorda) |
| 5) . . . . ция | (inklinigi fari aŭ doni ion) |
| 6) . . . . кол | (eks-haŭto) |
| 7) . . . . . | (scius) |
| 8) . . . . . | (meritus) |
| 9) к . . . . тка | (kutime blanka, nigra aŭ flava) |

***Solvoj de la taskoj en REGo № 5 (24)***

**1.** *1) velura; 2) revo; 3) kalo; 4) osto; 5) rozo; 6) kovi; 7) ŝipo; 8) kuko*
**2.** *a) ARD; b) ARB.*
**3.** *KONKO; TROLO; ORO; KASTO; MONTO; ĜEMO; KORO.*

*La solvojn necesas sendi dum 2 semajnoj post ricevo de la gazeto al Tatjana Auderskaja poŝte (Ukrainio, 65026 Odessa-26, p/k 71) aŭ rete (<zoo@te.net.ua>, <verda99@mail.ru>).*

---

## UTILAJ ADRESOJ

**REU:** p/k 57, 105318 Moskvo; retadreso <esperanto@au.ru>; ttt-ejo <http://www.reu.ru/>.

**REJM:** retadreso <komitato.rejm@mail.ru>; ttt-ejo <www.tejo.org/rejm>.

**UEA:** Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam, Nederlando; retadreso <uea@uea.org>; ttt-ejo <http://www.uea.org>.

# FELIĈAN NOVAN JARON



# al ĉiuj legantoj de REGo!

**REGo** (Rusia Esperanto-Gazeto) *№ 6 (25) decembro 2004*

***komuna eldono de REU kaj REJM*** ***aperadas ekde 2000***

*redaktas* Garik Kokolija *kunredaktas* Viktor Aroloviĉ

*poŝta adreso* Pjatnickoje ŝosse 45 – 105, 125310 Moskvo, Rusio

*retadreso* <gazeto@mail.ru>

*materialoj de la gazeto povas esti represataj, kondiĉe ke la tekstoj restos senŝanĝaj kaj estos indikita la fonto*

***abontarifoj por 2005:***

*por loĝantoj de Rusio kaj aliaj landoj de KSŜ – 140 rubloj sendendaj al:*

Георгий Владимирович Researcher Коколия, Пятницкое шоссе 45 – 105, 125310 Москва

*por loĝantoj de aliaj landoj – 15 eŭroj pagendaj al la konto* **kklg-r** *ĉe UEA*